# ESPERANTISTO SLOVAKA

**N-ro 4/2003**

Socikultura kaj informa gazeto de skef

ISSN 1335-5031

Fondita en 1946 de Ernesto Váňa

## DAJ BOH ŠŤASTIA TEJTO ZEMI

*slovaka kristnaska karolo*




Daj Boh šťastia tejto zemi, všetkým ľuďom v nej.
Nech im slnko jasne svieti každý boží deň.
Nech ich sused v láske má, nech im priazeň, pokoj dá.
Daj Boh šťastia tejto zemi, všetkým ľuďom v nej.

Daj Boh šťastia celej zemi, všetkým národom.
Nech im svetlo hviezdy lásky ožiaruje dom.
Hladným chleba dobrého, chorým zdravia pevného.
Daj Boh šťastia celej zemi, všetkým národom.

Dopraj, Bože, svojmu dielu večné trvanie.
Nech sa samo nezahubí, všetci prosíme.
Rybám čistej vody daj, vtáctvo a zver zachovaj.
Dopraj, Bože, svojmu dielu večné trvanie.

## DONU, DIO, BONAN SORTON

*Esperantigis: Joachim GIESSNER*

Donu, Dio, bonan sorton,
pacon al homar',
suna lumo ĉiam estu
kara via far'.
Kaj najbaran amon, Di',
kaj favoron donu Vi.
Donu, Dio, bonan sorton,
pacon al homar'.

Inter la nacioj amon
kreu, granda Di',
kaj al ĉiu domo sendu
Di-favoron pli.
Por malsataj estu pan',
al malsanaj firma san'.
Inter la nacioj amon
kreu, granda Di'.

Nian teron, vian verkon,
daŭre ŝirmu ĝin.
Ne la mond' sin mem detruu,
Dio helpu nin.
Kaj konservu bestojn, Di',
puran akvon donu vi.
Nian teron, vian verkon,
daŭre ŝirmu ĝin.



## Enhavo


alvoko de uea-prezidanto 3
okazis en slovakio 4
okazos en slovakio 9
eroj el historio 10
esperantisteco kaj unuopuloj 11
fervojista angulo 13
intervjuo 14
el gazetaraj komunikoj de uea 17
literatura angulo 18
kio okazas en e-mondo 19
ni tralegis por vi 20
kiel propagandi esperanton 21
el leteroj de niaj legantoj 26
gramatika enigmo 27


## ABONPAGO

Ĉar ĉi-jare multaj el la abonintoj de Esperantisto Slovaka subtenis nin per pli granda sumo ol estis postulite, dank' al ili ni povas konservi la saman abonkotizon ankaŭ por la jaro 2004, esperante, ke la promesataj plialtiĝoj de ĉiuj prezoj en nia ekonomio ne subfosos ĉi nian klopodon.
Do, en la jaro 2004 la jarkolekto (kvar numeroj) **por slovakoj** kostos **150 Sk**, por **eksterlandanoj** pro pli altaj sendokostoj **200 Sk**. Tamen se iu emas per pli alta monsumo subteni la eldonadon, la redakcio tion akceptos kun dankemo.

Vi povas pagi per la ***poŝtpagilo*** kun la mencio „ES 2004" al la adreso de la teknika redaktorino
*(M. FEIFIČOVÁ, A. Bernoláka 25/5, 010 01 ŽILINA).*

**Rekomendite estas** sendadi komunan kelkpersonan pagon nome de tuta E-klubo - tiukaze bonvolu nepre sendi al la teknika redaktorino liston kun la nomoj kaj adresoj de la abonantoj.

**GRAVE:**
La unuan venontjaran numeron de Esperantisto Slovaka ni sendos al ĉiuj, kiuj abonis ĝin por la jaro 2003. La postajn numerojn ni sendos nur al tiuj, kiuj pagos la abonon por la jaro 2004. Tiuj, kiuj pagos pli poste, ricevos nur la numerojn poste eldonitajn.

***La redakcio kore dankas al vi.***

***Por la jaro 2003 ankoraŭ abonis:*** *Stanislav BRŠLICA, Strážnice, CZ; Peter CITENY, Bratislava; Mária-Irma GÁLISOVÁ, Topoľčany; Norbert KARBE, Pirna, DE; Jiří PATERA, Praha, CZ; Viliam RÁC, Partizánske; František STRUMÍNSKY, Břežany, CZ; Jiří VOMÁČKA, Plzeň, CZ; Mária WERTLENOVÁ, Bratislava*

***La unuaj abonintoj por la jaro 2004:*** *Inge BARTLING, Warstein, DE; Nora CARAGEA, Frankfurt a/Main, DE; Václav KAPRÁL, Kaznějov, CZ; Vlado SLÁDEČEK, Ostrava, CZ; Blanka ZUBOVÁ, Lysá n/Labem, CZ*

***Por la kontribuaĵoj de tiu ĉi numero ni dankas al:*** *T. Andreas, K. Bodnárová, M. Feifičová, J. Rechtorisová, H. Seres, R. Staňová, M. Tomašovičová;*
*aliaj informoj estas transprenitaj el la Interreto*

Fino de la redakta laboro: 11-12-2003
Eldonkvanto de la numero: 130 ekzempleroj

***Redakta konsilantaro:***
Ľubomír FAJTH
Katarína BODNÁROVÁ
Magdaléna FEIFIČOVÁ
*(teknika redaktorino)*
Vladimír NĚMEC
*(lingva redaktoro)*

***Adreso de la redakcio:***
Ľubomír FAJTH
018 01 UDIČA-Prosné č. 161
*tel.: 0907/486 866*
*retadreso: <esperanto@bb.telecom.sk>*

La kontribuaĵojn por la n-ro 1/2004 ni atendas ĝis la 1-a de februaro 2004

## POR PLI VASTA KOMUNUMO

**Kial finfine mi devus aliĝi** al la loka Esperanto-klubo, la nacia landa asocio, la asocio de mia fako aŭ hobio, Universala Esperanto-Asocio?

**Ekzistas almenaŭ du bonaj kialoj:**

- La Esperanto-asocioj je ĉiuj niveloj laboras por pli bona mondo, por la mondo sen lingva kaj kultura diskriminacio, unuvorte ili laboras por „lingva demokratio". Se vi opinias, ke tio estas bona celo, vi certe volas subteni ilin. Aliĝante al via loka klubo aŭ al la nacia, faka aŭ monda asocioj (eventuale eĉ al ĉiuj tiuj), vi estos parto de tiu tutmonda Esperanto-movado, kiu de pli ol unu jarcento laboras por lingvaj homaj rajtoj je ĉiuj niveloj, kaj provas konvinki la mondon, ke ankaŭ en la lingva-kultura kampo justeco valoras pli ol forto.
- Samtempe vi eble ŝatas simple esti parto de la komunumo, kiu parolas la internacian lingvon Esperanto. Vi eble ŝatas renkonti aliajn parolantojn de Esperanto, vi ŝatas aĉeti librojn en Esperanto, vi ŝatas vojaĝi al fremdaj landoj kaj koni ties loĝantojn kaj eventuale eĉ esti gastigata de lokaj esperantistoj. Ĉion ĉi la membroj de Esperanto-asocioj faras tute nature, ĉar ili estas daŭre informataj pri la revuoj, la libroj, la kongresoj, la ret-listoj kaj la ret-paĝoj, la korespond-anoncoj kaj la vojaĝ-eblecoj.

**LA EBLAJ MEMBRO-KATEGORIOJ DE UEA:** ***MG*** *- Individua Membro kun Gvidlibro tra la Esperanto-movado,* ***MJ(-T)*** *- Individua Membro kun Jarlibro kaj ĝis inkluzive 29 jaroj membro de TEJO kun la revuo Kontakto sen plia abonpago,* ***MA(-T)*** *-Individua Membro-Abonanto (kiel MJ(-T) plus la revuo Esperanto),* ***DM(-T)*** *- Dumviva Membro (pagas por la tuta vivo 25-oblon de la kotizo MA; ricevas la Jarlibron, la revuon Esperanto, kaj ĝis inkluzive 29 jaroj, la revuon Kontakto kaj TEJO tutmonde,* ***DMJ(-T)*** *- Dumviva Membro kun Jarlibro (pagas por la tuta vivo 25-oblon de la kotizo MJ; ricevas la Jarlibron kaj ĝis la aĝo de 29 jaroj inkluzive membrecon en TEJO kun Kontakto kaj TEJO tutmonde),* ***SA*** *- Simpla abono al la revuo Esperanto sen membreco en UEA,* ***Kto*** *- Abono al la revuo Kontakto sen membreco en UEA/TEJO,* ***SZ*** *- Kotizo por Societo Zamenhof (mecenata kategorio, aldoniĝas al alia kotizo; ne inkluzivas membrecon en UEA),* ***PT*** *- Patrono de TEJO (pagas 3-oble la kotizon de MJ(-T) por subteni TEJO; ne inkluzivas membrecon; ricevas la revuon Kontakto kaj aliajn eldonaĵojn de TEJO).*

**PLIA MODERNA SERVO:** La revuo Esperanto estas abonebla ankaŭ en elektronika formato. Individuaj membroj-abonantoj de UEA rajtas aldone kaj senpage mendi la revuon en unu el la elektronikaj formatoj oportuna por ili: HTML, simpla teksto aŭ PDF. La mendojn akceptas la ret-adreso <*reto@uea.org*>. La elektronika revuo estas sendata al la mendintoj rete baldaŭ post la finredakto de la papera versio kaj antaŭ ol ĝi dissendiĝos per ordinara poŝto. Kompreneble, spertinte la novan servon, ili rajtas ankaŭ rezigni pri ricevado de la papera versio. La elektronika versio de la revuo estas abonebla ankaŭ por la esperantistoj loĝantaj en B-landoj, kiuj ne estas membroj de UEA aŭ abonantoj de la papera versio de la revuo. La kosto de la servo estas fiksita kiel duono de la B-landa abonkotizo: 7,50 eŭroj.

**KOTIZTABELO DE UEA POR 2004 por Slovakujo en kronoj:** ***MG*** – 220 Sk, ***MJ(-T)*** – 540 Sk, ***MA(-T)*** – 1 350 Sk, ***SA*** – 810 Sk, ***Kto*** – 490 Sk, ***SZ*** – 2 700 Sk.
Vi povas aliĝi ankaŭ rete ĉe: <*http://www.uea.org/alighoj/alighilo.html*>.

*Renato CORSETTI <renato@kiesperanto.org>*

## NI PARTOPRENIS KREIVAN METIEJON

De la 24-a ĝis la 26-a de oktobro 2003 Liptova Esperanto klubo organizis „Kreivan metiejon“ en Nacia Ĉevalejo en TOPOĽČIANKY. La ĉefa organizanto s-ano Ján VAJS modele preparis la renkontiĝon. Meze de belega naturo kaj amika medio ni travivis agrablan semajnfinon.

La ĉefa temo de la Kreiva Metiejo estis „ĉevalo“. Vere variajn kontribuaĵojn ni povis aŭdi pri tiu-ĉi temo.

Ankaŭ ni havis eblecon vidi la breditajn bestojn kaj unikan ĉevalrajdejon. Vespere ni aŭskultis interesaĵojn de s-ro Inĝ. HORNÝ, direktoro de Nacia Ĉevalejo pri homoj, kiu dediĉas sin al tiu-ĉi hobio (ĉevaleto) pri historio kaj bredado de vere raraj rasoj.

Dank´ al s-ano VAJS, kiu kunigis agrablon kaj utilon, ni havis eblecon riĉigi niajn sciojn kaj konatiĝi ankaŭ kun laboro en tiu-ĉi sfero.

Ni tre ŝatus, se la Kreiva Metiejo fariĝus tradicia, kaj ni ĝojas al sekvonta renkontiĝo.

*MaTo*

*transprenite el KURIERO, la gazeto de la ESO – ESPERANTA SOCIETO, n-ro 3/2003*

*Kiel la ilustraĵon el la supre menciita aranĝo*
*ni prezentas al vi*
*la verketon pri ĉevalo*
*de s-ano Teo ANDREAS el KOŠICE.*



## LERNEJAJ ĈEVALAĴOJ DE LA LERNANTO MORIĈJO (traktado pri la ĉevalo)

*La ĉevalo (Equus Caballus) estas unu el la plej bone konataj bestoj. La ĉevalo estas granda besto, precipe komparante ĝin kun la hundo, kato kaj muso. La ĉevalo estas hejma besto, simile kiel la hundo, kato kaj muso. La ĉevalo estas pli granda kaj peza besto, ol kune la hundo, kato kaj muso. Ni rigardu do ĝian detalan priskribon.*



*En dimenzio horizontala la ĉevalo komenciĝas per buŝego, daŭrigas per kapo, kolo, dorso, postaĵo kaj finiĝas per vosto. La signifo de la kapo estas granda, ĉar sur ĝi troviĝas du grandaj okuloj kaj du viglaj oreloj, moveblaj antaŭen kaj malantaŭen sendepende unu de la alia. Tiamaniere la ĉevalo povas aŭskulti kaj tion, kio jam estas forpasinta, kaj samtempe tion, kio estas venonta. Per la buŝego la ĉevalo manĝegas – ĝi estas vegetarano. Tiu-ĉi fakto estas grava por la rajdanto, kiu ne devas timi, ke la ĉevalo, ekmalsatante – formanĝos lin.*

*La kolo de la ĉevalo estas signifa, ĉar sur ĝi troviĝas la longa ĉeval-hararo – diference de ni, homoj, kiuj portas la hararon surkape. La dorso de la ĉevalo estis kreita por surmeti tien selon; tiu servas al la*

*rajdanto-mallertulo, ke li ne falu teren. Por pli granda certeco li povas enŝovi siajn piedojn en piedingojn, kiuj pendas ambaŭflanke de la selo.*

*La signifon de la postaĵo mi ne pritraktos, ĉar mi estas bonmora knabo. La vosto de la ĉevalo servas por forpeli la arogantan muŝaron.*

*En la dimenzio vertikala la ĉevalo komenciĝas per dorso, sekvas du flankoj kaj finiĝas per kruroj: du antaŭaj, du malantaŭaj, du dekstraflankaj kaj du maldekstraflankaj. La piedoj estas tiom longaj, ke ili eĉ atingas la tersurfacon. Ĉiu piedo finiĝas per HUFO. Ĉar ĉiu piedo finiĝas per unu hufo, la ĉevalo apartenas al la grupo de NEPARHUFULOJ, diference ekzemple de la bovino, kiu estas PARHUFULINO. La hufo estas farita el kornmaterio kaj ne havas nervajn fibrojn. Tiu ĉi fakto estas tre grava por la forĝisto, kiu dum hufferado de la ĉevalo ne devas timi, ke la besto piedbatos lin pro doloro. La hufferado estas farata tiel, ke la forĝisto ardigas pecon da fero en fajro, kurbigas ĝin laŭ la formo de la hufoplato kaj almetas la ruĝe ardantan ferpecon sur la hufon de la besto, poste alfirmigas ĝin per kelkaj - terure longaj - hufnajloj. Tiu procedo, malgraŭ ĝia terura aspekto, estas por la ĉevalo tute sendolora, simile, se ni farus pedikuron. Post mallonga tempo nia amiko ĉevalo povas iradi, kuradi, saltadi sen rapida difektiĝo de hufoj sur la malmola tero.*

*La nutraĵon, kiun ricevas la ĉevalo, oni nomas FURAĜO kaj krom herbo kaj fojno ĝi konsistas ankaŭ el diversaj cerealaĵoj, fruktoj kaj legomoj. Per kelkaj pecoj da karoto vi povas la ĉevalon ĉiam sukcese korupti...*

*La plej konata furaĝo por ĉevaloj estas aveno. En la historio de Aŭstra-hungara monarĥio onidire okazis, ke la hungaraj bienposedantoj-nobeloj ribelis kontraŭ la reĝino, kiam ŝi postulis de la nobelaro imposton en la formo de aveno por la reĝa kavalerio. Ili skribis al la reĝina moŝto leteron kun la latinlingva teksto: „Vitam et sanguinem, SED AVENAM NON!" Mi ne scias, kiel finiĝis la afero, ĉar poste mi unu semajnon ne vizitadis la lernejon pro gripo.*

*La nuntempe granda besto en la praepoko ne estis tiom granda, sed estis nur kiel pli granda hundo. Dum la jarmiloj de evoluo ĝi elkreskis kaj nun ne povas okazi eraro, ke la rajdonto erare sursidus hundon, anstataŭ ĉevalon.*

*Tiu besto ludis ege grandan rolon en la homara historio. Se ne estus ĉevaloj, en nian geografian spacon ne estus povintaj alveni diversaj amasoj da turistoj el Azio: hunoj, tataroj, hungaroj kaj turkoj. Se ili estus devintaj fari tiun ege longan vojon perpiede, kun multe da ŝarĝo, kun virinoj kun valizoj kaj infanoj – do, koran dankon!*

*La utileco de ĉevaloj ne elĉerpiĝas per konkerado de fremdaj landoj. Krom la portado de rajdanto oni povas ĝin jungi al ĉaro kaj porti diversajn ŝarĝojn tien kaj reen. Kelkfoje unuope, kelkfoje duope ili tiras la ĉaron. En nia moderna tempo ja tiun taskon transprenis aŭtomobiloj. Ilia tasko en militservado kaj agrikulturo ankaŭ malkreskis. Oni prefere uzas traktorojn, ĉar por traktoroj estas haveblaj rezervaj partoj, sed por ĉevaloj ne.*

*En nia tempo la ĉevaloj fariĝis precipe sportistoj. Ili ricevas diversan ekipaĵon por tiu celo: selon kun piedingoj, enbuŝaĵon, gvidrimenon, diosciaskion, kaj povas komenci la vetkurado kun transsaltado de obstakloj.*

*Onidire la ĉevalo estas nobela besto, ĉar ĝi rifuzas trinki akvon el malpura sitelo. Mi ankaŭ estas – laŭ tio – nobela besto.*

*La reproduktadon de la ĉevala specio jam ne prizorgas ili mem, sed estas specialistoj, zooteknikistoj, kiuj faras tion anstataŭ la virĉevalo. Tiu homo estas nomata „ensemigisto". Dank' al li naskiĝas ĉevalidoj.*

*Pri la senpera ligo de la ĉevaloj kun la homa kulturo atestas multaj proverboj. Ekzemple:*

1. *Ne esploru la dentaron de ĉevalo donacita. (= ne estu scivolema pri ĝia aĝo)*
2. *La ĉevalo havas kvar krurojn kaj tamen stumblas. (= ni do pardonu la eraron al homo, kiu havas nur du piedojn)*
3. *Tiu ĉevalo ricevas pli da bato, kiu pli bone tiras. (= ne estas inde troigi la laborklopodon)*
4. *Bona ĉevalo meritas nutradon per bona pano. (= ĝi meritus esti portata sur manplato, se ĝi ne pezus tiom)*
5. *Komuna ĉevalo havas vundkovritan dorson. (= pri la komuna havaĵo neniu zorgas tre konscience, ĉiu nur eluzi klopodas; hungara proverbo)*
6. *Granda estas ĝia kapo, malgaju do la ĉevalo! (= invitado de malgaja amiko en drinkejon; hungara diraĵo.)*
7. *Ĉevalon, pafilon kaj edzinon: pruntedonu al neniu. (araba proverbo)*
8. *Kiu aĉetis ĉevalon, prenas ankaŭ enbuŝaĵon.*
9. *Rapida, belega ĉevalo kaj bona edzino plilongigas la vivon.*
10. *La feliĉo de viro signifas varman hejmon, bonan edzinon kaj rapidan ĉevalon.*
11. *Bona ĉevalo jungita kune kun azeno – iros do kiel azeno.*
12. *Se vi havas ĉevalon, do rajdu!*



*Pri la granda estimo koncerne ĉevalojn atestas akaŭ tio, ke la fizika unuo de forto estis nomita 1 ĈEVALPOVO. Hodiaŭ la aŭtomobilaj motoroj enhavas kelkdek, ĝis kelkcent ĉevalpovojn. Sed la aŭtomobiloj ege malpurigas la vivmedion per aĉaj gasoj kaj aliaj forĵetitaĵoj. Ĉe la ĉevaloj validas la principo de reciklado de materio: la formanĝita furaĝo post ĝia digestiĝo reaperas en la formo de „ĉevalcitronoj", kiuj estas efike uzataj en ĝardenkulturado. Tiel ni povas rikolti ekzemple pli grandajn fragojn, pli belajn florojn.*

*Vivu la ĉevaloj!*

*Moriĉjo APFELBAUM, lernanto de sesa klaso*

## SENKROKODILA RENKONTIĜO

Sabate, la 13-an de septembro, ESO organizis EMAKARO-n. Ni renkontiĝis en la parkejo ĉe Slovaka Nacia Muzeo, de kie ni veturis per buso al DEVÍN. Tie ni ŝipveture daŭrigis nian vojon sur la blua DANUBO. En HAINBURG atendis la grupo de s-ano PATEK. La miksita societo el kvar nacioj: hungaroj, kubano, aŭstro kaj slovakoj ekmarŝis al la ruinaĵo. Tie ni eĉ rigardis la historian spektaklon de junaj aktoroj kaj belan panoramon de HAINBURG kaj BRATISLAVA. La rean vojon akompanis pluveto, kiu finiĝis en agrabla kafejo. En ŝiphaveno ni forlasis ŝipon por daŭrigi nian ekskurson. Ni grimpis al kastelruino DEVÍN, kie la gesamideanoj eksciis pri nia historio.

Vere internacia societo agrable travivis la tutan tagon, praktikante Zamenhofan lingvon. Ĝis la revido venontjare.

*JaRe*

*transprenite el KURIERO, la gazeto de la ESO – ESPERANTA SOCIETO, n-ro 3/2003*

## ĈEDANUBA RENKONTIĜO ERNESTO GELETA KOMÁRNO 2003.10.11.

Tute somereska suno karesis nin dum la titole nomita renkontiĝo. Post la matena stacidoma renkontiĝo kun la „unuaj hirundoj", la enlandaj kaj la hungariaj alvenintoj, la grupo direktiĝis al la ponto Elizabeto, kiu ligas kaj du urbojn, kaj du landojn: Komárno-Komárom, kaj Slovakio-Hungario respektive. La celo estis akcepti ĉe la fervoja stacidomo de Komárom la aŭstrajn gastojn. Ĉiuj marŝadis gaje, vigle babilante tra la ĉefstrato al la Danubo, nur mi flankiĝis alidirekten por traspekti la terenon de la sekva stacio, ene de la Eŭropa Korto, nova sed malnovstila juvelo de tiu ĉelandlima urbo, situo kiu aldonas kolorojn al ĝia multfaceta karaktero, kaj dinamismon al la enurba irado-venado.

La tradicioj de la plimulta hungara loĝantaro difinas la urbon per la epiteto de „fama Komárno", kiun ĝi meritis kiel lasta bastiono ne venkita dum la plej grandskala hungaria revolucio de 1848-49 kontraŭ la plurcentjara, despota regnado de la „Habsburga-Aŭstrio" super la teritorioj de la tiama Hungario. La posteuloj starigis decan staton al la defendanto de tiu bastiono, generalo György Klapka, poste la plej fama naskito de tiu loko, la aŭtoro de pli ol cent romanoj kaj noveloj, Mór Jókai, eternigis lian militestran genion. Dank' al tiu-ĉi, la urba fortikaĵo ne estis transdonita al la venkintoj senkondiĉe, kvankam la revolucio jam ĉie estis subpremita, sed nur ŝanĝe de amnestio por ĉiuj, soldatoj kaj civiloj, kiuj batalis kaj aziliĝis inter la muroj de tiu milita bazo.

Mondsfere transflugas de generacioj al generacioj la korkaptaj melodioj de Ferenc Lehár, alia mondfama naskito de Komárno, komponisto de sukcesaj operetoj kiel „Gaja vidvino", „Cigana amo" kaj aliaj. Tamen mi jam devas neglekti aliajn grandulojn ligitajn al la urbo, kaj ekpaŝi, sub la arko de iama feŭdalsinjora kastelo (nuntempe urbohistoria muzeo kun riĉa kolekto de Jókai relikvaĵoj kaj Lehár-operetaj ilustraĵoj,), en la Eŭropan korton.

Entuziasmulojn favoras la sorto, ĉar tuj post la unua ĉirkaŭrigardo, en la sinjoro promenanta kun siaj du ĉarmaj filinetoj mi rekonis la „elcerbumanton kaj realiganton" de tiu impona arkitektura komplekso., inĝenieron Peter Takács, daŭriganto nuntempa de la

vico de meritplenaj komarnanoj. Li ĝentile konsentis „ĉiĉeroni" al nia kolektivo ĵus reveninta el „eksterlando" kin la 4 alvenintaj vienaj gejunuloj. Komenciĝis la rondiro tra la ĉarma Korto, fakte neregula elipsa placo, kun mezloka fontano, bordita de pluretaĝaj palacetoj, ilustrantaj la variajn stilojn de la eŭropa arkitekturo. La vicon de la konstruaĵoj ekantan per la iom parada, angula „hispana palaco" fermas, ekzemple, la slovaka domo. Dumvoje ni ektrovis prof.-inon Eva Poláková, reprezentantinon de la Akademio Internacia de Sciencoj, kaj ties senatanon inĝ.on Petr Chrdle kune kun aliaj gastoj el Ĉehio. Ĉe la futura sidejo aneksa de la nomita instituto s-rino Polákova transprenis la parolon de s-ro Takács, kaj koncizis la mision de tiu-ĉi docenta centro, de kiu nun estas nur konstruita la eleganta portalo. Pli malfrue, helpe de nia akompananto ni trovis kvietan lokon en restoracio, situita, kun vico de aliaj publikaj ejoj, en la subtera „labirinto" de la Eŭropa Korto. Ĉi tie ni diris dankeman adiaŭon al inĝeniero Takács, kaj denove direktis nian atenton al la parolado de s-ino Polákova pri la temo AIS-rilata. Per demandoj-repondoj finiĝis la kunsido, kiun sekvis individuaj programoj. La pli „moviĝemaj" tuj foriris por malkovri la vidindaĵojn de la urbo, la aliaj ĝuis ankoraŭ dum iom da tempo kaj la amikan babiladon surloke, kaj la bongustajn lokajn specialaĵojn de la restoracio.

Laŭ la laborplano de ESO la sekvonta Ĉedanuba Renkontiĝo Ernesto Geleta estas fiksita al la dato 09. 10. 2004. kaj al la urbo Ŝturovo. Enviindaj estas la futuraj partoprenantoj, ja ili estos liberigitaj de zorgoj pri pasportoj, landlimaj kontroloj. Kiel ŝtatanoj de Slovakio, Ĉehio, Hungario ili ĝuos la eŭrop-unian civitanecon, kiun la aŭstriaj gastoj jam nun havas, do ili leĝer-anime povos promenadi, uzante la danuban ponton Maria-Valeria, kaj en la urbo Ŝturovo kaj en Esztergom/ Ostrihom.

Kiel feliĉe mi inter ili estus!

*Helena Seres*

*Laŭ la peto de sinjorino SERES, kiu sentis sin ege ĉagrenita per redaktaj korektoj en ŝia artikolo pri la pasintjara Eŭ.-Unia Esp. Kongreso, aperigita en ES n-ro 2/2002 (ne nur ŝi, sed laŭ ŝi ankaŭ aliaj spertuloj trovis ĉirkaŭe 20 fuŝajn „korektojn"),* ***mi lasis tiun ĉi ŝian artikolon*** *(por kiu ni tamen estas al ŝi tre dankaj)* ***sen redaktoraj kaj redaktaj tuŝoj.*** *Verŝajne pri la menciitaj korektoj en ŝia antaŭa artikolo plejparte respondecas mi, farinte ilin dum la entajpado de ŝia artikolo, tial mi pardonpetas al sinjorino Seres.*

*M. FEIFIČOVÁ, teknika redaktorino*



## ATENTIGO!

*En la n-ro 3/2003 en la „Kalendaro de la SKEF-aranĝoj“ ni anoncis, ke SKEF-kongreso okazos la 28.-30. de majo 2004 en NOVÉ MESTO N/VÁHOM.* Intertempe post pritraktado de la afero kun aliaj gesamideanoj ni akiris informon pri alia loko, kie povus renkontiĝi pli granda nombro de gesamideanoj, ĉar ne estus limigita nombro de ĉeestantoj. Temas pri urbeto **BREZOVÁ POD BRADLOM**.

Certe la ŝanĝo etos por ĉiuj agrabla, ĉar BREZOVÁ POD BRADLOM situas en pitoreska loko en ĉirkaŭbrako de MALGRANDAJ KARPATOJ. Ankaŭ ĝi havas riĉan kaj interesan historion. Ni havos eblecon viziti ankaŭ la tombomonteton de Milan Rastislav ŠTEFÁNIK.

Mi volas rememorigi, ke dum la kongreso (do antaŭ) efektiviĝos ankaŭ regionaj jarkunvenoj. **Mi petas ĉiujn anojn de SKEF, ke ili ne forgesu partopreni la kongreson dum la tagoj 28.-30. de majo 2004 en BREZOVÁ POD BRADLOM.** Pli detalaj informoj estos ĝustatempe anoncitaj. Mi ĝojas jam je la renkontiĝo.

*Mária TOMAŠOVIČOVÁ*




*La 13-an de novembro aperis en la retlisto LANDA AGADO sciigo kun la titolo Radioelsendo de Radio Slovakio Internacia. En* ĝi esperantisto el Honduraso, s-ro Elmer D. ESCOTO, raportas jene: *„Radio Slovakio Internacia en siaj disaŭdigoj en la hispana lingvo legis mian leteron, kie mi, inter aliaj temoj, skribis pri Esperanto, E-movado kaj demandis pri Esperanto en Slovakio.“*

Dankon kaj gratulon, s-ro ESCOTO!

**Ĉu iu el niaj legantoj aŭdis la menciitan disaŭdigon?**

*Katarína BODNÁROVÁ*



## 8. 2. 2004: VINTRA EKSKURSO TRA DUBEŇ KAJ OSTRÉ

La E-klubo en ŽILINA invitas ĉiujn turistojn al la duontaga piedekskurso en la ĉirkaŭo de ŽILINA. Ni startos je la 8-a horo ekde la fervojstacio en ŽILINA.



*Renata STAŇOVÁ*

*Elinter la vizitantoj de la nederlanda urbo NAARDEN estas okulfrape multe da ĉeĥoj kaj slovakoj. Ili venadas viziti la tombon de Jan Amos KOMENSKÝ.*

## ĈE LA TOMBO DE KOMENSKÝ

J. A. KOMENSKÝ naskiĝis en 1592 en MORAVIO, unu el la landoj de la iama ĉeĥa regno. Lia familio apartenis al la eklezio de „Moraviaj fratoj“, kies pastro fariĝis KOMENSKÝ mem en 1618. Tiu estis la jaro, kiam komenciĝis la 30-jara milito. ĈEĤIO en 1620 malvenkis kaj la landon ekregis la katolikaj Habsburgoj. Per tio komenciĝis la persekutado de protestantoj. KOMENSKÝ eniris la jarojn de suferoj. En pesta epidemio li perdis la edzinon kaj du malgrandajn infanojn kaj li mem devis fuĝi. Ekis longa migrado, kiu finiĝis nur en 1656, kiam akceptis kaj subtenis lin la riĉa familio de komercisto DE GEER en AMSTERDAMO.

En NEDERLANDO estas KOMENSKÝ konata precipe kiel pedagogo, sed por li edukado kaj instruado estis unuavice kondiĉoj por tio, kion li nomis: ĝustigo de aĵoj homaj. Por la plibonigo de la mondo li konsideris nepra bonan edukon de la junularo. La tri ĉefaj aferoj estu klereco (koni sin mem), virto (gvidi sin mem) kaj pieco (orienti sin mem).

KOMENSKÝ publikigis pli ol 150 volumojn ne nur pri didaktiko, eĉ se ni konas lin precipe kiel „Instruiston de nacioj“. Li verkis ankaŭ religiajn kaj filozofiajn verkojn, dediĉis sin ankaŭ al kartografio, astronomio, muziko. Liaj plej famaj titoloj estas inter alie „Janua linguarum reserata“ (La Pordo de Lingvoj Malfermita), „Didactica Magna“ (Granda Didaktiko), „Via Lucis“ (La Vojo de Lumo), „Orbis Pictus“ (Mondoj de Bildoj).

Li estis pensulo, kiu konsciis ankaŭ pri la bezono de universala lingvo. Pri ĝiaj neceso kaj eblecoj li skribis en siaj „Unua Klopodo pri Nova Harmonia Lingvo“ kaj „Panglotia“. ZAMENHOF bone sciis pri KOMENSKÝ kaj studis liajn librojn.

Dum siaj lastaj jaroj KOMENSKÝ estis membro de la tiel nomata „Valona eklezio“. Li mortis la 15-an de novembro 1670 en AMSTERDAMO, sed pro nekonataj kialoj estis entombigita en la tiama valona preĝejeto en NAARDEN. Kiam en 1819 la preĝejo ĉesis esti uzata, la tombo forgesiĝis.

La ĉeĥoslovakaj kaj nederlandaj sciencistoj trovis la restaĵojn de KOMENSKÝ en 1929. La nederlanda registaro renovigis la disfalantan kapelon, la ĉeĥoslovaka bele prizorgis la internan ekipon. Al la kapelo ligiĝas domo, en kiu estas negranda muzeo pri KOMENSKÝ. Bedaŭrinde, en ĝi estas nenia spuro pri la estimo de la esperantistaro al la granda pensulo. En la ĉeĥa lingvo troveblas kaj la surpaperaj informoj kaj dokumenta filmo surloke projekciata.

Freŝa informo: En la nederlanda taggazeto „Rotterdams Dagblad“ aperis la 24-an de septembro 2003 jeno: „La ĉeĥa registaro sendis al Komenius-Muzeo en NAARDEN 80 000 eŭrojn. La loka magistrato minacis fermi ĝin, ĉar ĝi estis tro multekosta.“

La kontaktebloj de la muzeo: <*info@comeniusmuseum.nl*>, <*www.comeniusmuseum.nl*>

*Katarína BODNÁROVÁ*

## AMKONFESO AL LA VIVO
## aŭ listo de ĉio, al kio mi estas dankema

- Mi estas dankema al miaj - jam mortintaj – gepatroj, kiuj donacis al mi vivon kaj enkondukis min en la mondon, zorgis pri miaj korpaj kaj animaj bezonoj kaj ĉiuflanke helpis mian evoluon.
- Mi estas speciale dankema al mia patro pro tio, ke li konatigis kaj interesigis min pri Esperanto, montris ĝian signifon kiel ŝlosilon al aliaj naciaj lingvoj.
- Mi estas speciale dankema al mia patrino, ke dum la malfacilegaj lastaj jaroj de la dua mondmilito, dum foresto de mia patro, ŝi faris ĉion eblan, eĉ neeblan, por ke mi ne suferu pro malsato, kiel multaj samaĝaj infanoj tiutempe.
- Mi dankemas al instruistoj, profesoroj kaj ĉiuj bonaj homoj, kiuj instruis kaj konvinkigis min pri tio, ke la vivo - malgraŭ ĉiuj komplikaĵoj, aŭ ĝuste pro tio - estas bela, grandioza kaj ĉiukaze estiminda kaj vivinda.
- Mi estas dankema al la Hazardo, kiu konatigis min - sidantan nokte en atendejo de fervojstacio - kun s-no Arnošt VÁŇA, kiu poste fariĝis mia unua instruisto de Esperanto per koresponda kurso.
- Mi dankas al ĉiuj fervoraj esperantistoj, kiuj organizadis Somerajn Esperanto-Lernejojn, kie mi plilernis kaj pliperfektiĝis en tiuĉi bela lingvo. Mi devas ĉi tie honorigi unuavice la nomon de s-ano Milan ZVARA.
- Mi estas tre dankema al la Sorto, ke mi hazarde ĵus rigardis la teletekston, kiam tie aperis tri vortoj en Esperanto: *„MI PETAS VIN"*. Konsekvence de tio mi kontaktiĝis skribe, poste ankaŭ persone kun tre kara, bonkora, ĉarma virino, kiun mi nun nomas AMOMIA - kvankam ŝi apartenas al iu alia.
- Mi sincere dankas al gepatroj de AMOMIA pro tio, ke ili kreis tiun admirindan infanon, zorgis pri ŝia kreskado kaj edukado. Mi volus ĉi tie transdoni al ŝia panjo esprimon de estimo kaj fikcian mankison.
- Mi dankas plej sincere al la Feliĉo, ke mi povis persone renkontiĝi, konatiĝi, amikiĝi kaj - amiĝi, eĉ se kelkfoje ŝajnas al mi, nur unuflanke, kun AMOMIA. La amo estas ĉiam honordona, nobela sento eĉ tiam, kiam ĝi ne estas reciprokata.
- Mi estas multe-multe dankema al AMOMIA por ĉiuj horoj, kiujn ni pasigis kune. Por ĉiuj ŝiaj leteroj, skribitaj al mi, kiuj ĉiam plialtigis mian humoron kaj forgesigis min pri mia malgaja persona vivo. Por ĉiuj maloftaj minutoj, kiam mi povis en miaj manoj senti la varmon,

flari la odoron de ŝiaj manoj, rigardi en ŝiajn okulojn, travivi la nepriskribeblan feliĉon, sentante ŝiajn lipojn sur la miaj, perceptante la glatecon de ŝia haŭto sur la mia... Mi estas tutkore dankema al tiu grandioza virino ankaŭ pro tio, ke ŝi nek mokas, nek priridas, nek riproĉas, se mi estas kelkfoje malsukcesa en miaj klopodoj, sed ĝojigas min per karaj mensogoj. Benitaj estu ĉiuj ŝiaj paŝoj kaj facile portu sian ne tre facilan personan vivon.

- Mi estas - fine - ege dankema al la Espero, kiu mortas la lasta, kiu permanente staras ĉe mia flanko kaj ne permesas, ke mi malesperu, kiam mi trasentas la plej gravan, suferigan mankon en mia vivo: la malĉeeston de AMOMIA.

*PAPILIUS*



## MATENPREĜO DE PEKULO

*Mia Dio, bonan tagon!*
*Tenu ĉiam mian manon,*
*por ke mi ne falu.*
*Pardonu min, se mi pekas,*
*ne permesu, bele petas,*
*ke mi malesperu.*

*Ĉion bonan mi deziras*
*al virino, kiun ege*
*kaj senĉese*
*mi tre peke amas.*

*Ne gravas, se mi malsatas,*
*pri abundo mi rezignas,*
*ion alian preferas.*
*Sopire mi almozpetas:*
*donu al mi ŝian amon*
*porĉiame, mi vin petas...*

*Benita estu nomo Via.*
*Estu feliĉa, AMOMIA.*





*Esti esperantisto signifas ne nur lingvoscion. Ĝi estas destino. Misio. Sopiro al pli bona mondo. Vera esperantisto ne fariĝas, sed naskiĝas, kaj li estas esperantisto jam antaŭ ol li lernis la lingvon.*

*Tiuj-ĉi vortoj de Julio BAGHY certe validas ankaŭ pri nia granda amiko*

**Joachim GIEßNER,**

kiu por ĉiam forlasis nin ***la 25-an de novembro 2003***. La 23-an de decembro li estus ĝisvivinta sian 90-jariĝon. Por priskribi ĉiujn meritojn de nia honora IFEF-prezidanto ne sufiĉus la tuta paĝo. Do prefere ni simple skribu, ke foriris por ĉiam la homo kun majuskla „H“.

***Honoron je lia memoro kaj sinceran kondolencon al liaj familianoj.***



## DISSENDO-LISTO PRI IFEF

Mi havas la plezuron anonci al vi ĉiuj, ke IFEF-dissendo-listo estas nun kreita: <*ifef@yahoogroupes.fr*>.

La temo de tiu nova dissendo-listo estas ĉio, kio rilatas al IFEF. Ĝi celas plifaciligi disvastigadon de informoj ne nur interne de la federacio mem, sed ankaŭ ekstere. Tiel esperebl pli multaj kaj pli fruktodonaj estos la interŝanĝoj inter ĉiuj el vi, kiuj interesiĝas kaj laboras pri kaj por IFEF.

Al tiu listo povas aliĝi iu ajn, membro aŭ ne-membro de IFEF (estontece, eblos krei aliajn listojn rezervitajn al la membroj, al la komitatanoj, ktp.)

La utilajn informojn (kiel malaboni, ktp.) vi povas trovi sur la koncerna paĝo „retlisto“ de <*www.ifef.net*>.

*Kio estas IFEF? La unua Esperanto-manlibro eldoniĝis en 1887 kaj jam en 1909 fondiĝis la faka fervojista organizo „Internacia Asocio de la Esperantistoj Fervojistoj“. Post la dua mondmilito en sia nuna formo fondiĝis IFEF, Internacia Fervojista Esperanto-Federacio.*

***La devizo de IFEF estas:***

***„La reloj ligas la landojn, Esperanto la popolojn“.***

*IFEF interalie celas disvastigi la uzadon de la internacia lingvo Esperanto inter fervojistoj, ĉe fervojistaj organizoj kaj fervojaj instancoj.*

*Tial la aktivaĵoj de IFEF estas ekzemple: organizado de ĉiujara internacia kongreso, faka laboro (eldonado de terminaroj, de „Fervojfakaj Kajeroj“, kontribuo en RailLexic de UIC, okazigo de prelegoj, ...), eldonado de dumonata bulteno INTERNACIA FERVOJISTO, administrado de Fervojista Koresponda Servo, organizo de Skisemajnoj, ktp.*

*IFEF grupigas landajn asociojn kaj individuajn membrojn en dekoj da landoj. Ankaŭ plejmulto el tiuj landaj asocioj diverskampe aktivas: eldonado de propraj bultenoj, okazigo de naciskalaj renkontiĝoj, disvastigado de Esperanto en la fervojista medio (ekspozicioj, kursoj, ...).*

Se vi estas fervojisto (aŭ ŝatas fervojon!) kaj deziras kontaktiĝi kun „kolegoj“ el la plej diversaj landoj, Esperanto kaj IFEF taŭgas por vi!! Post nur kelkaj monatoj de Esperanto-lernado vi miros, ke vi povas tiel bone komuniki kun fervojistoj aŭ fervojamantoj el landoj proksimaj aŭ alikontinentaj!

*Laurent VIGNAUD, Francio*

## FERVOJAJ KURIOZAĴOJ

**? La spaco inter la reloj de la fervojo estas 1,435 metroj. Kial tiu stranga nombro?**

Pro la angloj, kiuj inventis la fervojon, do ili trudis la spacon inter la reloj: t. e. 4 futoj kaj 8,5 coloj, do 1,435 metroj.

**? Sed, kial ili elektis tiun spacon?**

Ĉar la unuaj linioj de fervojo estis konstruitaj laŭmodele de la tramoj.

**? Sed, kial la tramoj... ktp?**

Ĉar por ili oni utiligis la spacon de la ŝarĝveturiloj... kaj de la poŝtaj kaleŝoj.

**? Sed, kial la ŝarĝveturiloj... ktp.?**

Ĉar la eŭropaj vojoj havis radsulkojn kaj malsama spaco estus kaŭzinta la rompon de la ŝarĝveturilaj radaksoj.

**? Sed, kiaj la radsulkoj... ktp.?**

Pro tio, ke la Romania Imperio normigis siajn proprajn ŝarĝveturilojn.

**? Sed, kial la Romania Imperio elektis tian normon?**

Pro tio, ke estis ĝi, kiu ebligis al du azenoj marŝi senĝene flanke unu de la alia.

**? Fine, divenu la larĝon de la kromrezervujoj ĉe la usona ĉielspaca navetveturilo!**

Respondo: 4 futojn kaj 8,5 colojn, kompreneble.

**? Kial?**

Pro tio, ke ili estis transportitaj per trajnoj.



**Tiel la larĝo de azenaj postaĵoj estas videbla sur la plej moderna transportilo en la mondo!**

*R. CHEVALLIER - transprenite el ITALA FERVOJISTO, aprilo 2001*

# ... KUN PETER BALÁŽ

*Li naskiĝis la 8-an de oktobro 1979, nun li loĝas en PARTIZÁNSKE. Li studis ĉe hotela akademio en PIEŠŤANY, poste li laboris kiel kelnero en Germanio kaj Aŭstrio. Ekde siaj studjaroj li interesiĝas pri esploro de homa konscio, meditado, li ŝatas esplori homajn limojn.*

**Ĉu vi memoras, kiel vi renkontis Esperanton?**

Mian unuan kontakton kun E-o mi memoras tre bone – estis tio la libreto de la slovaka aŭtoro Marian REPKA „Ni ne estas senpovaj“, kiun mi tralegis aŭtune 1999 - do precize antaŭ kvar jaroj. La enhavo de la libro profunde influis min kaj ekde tiu tempo mi okupiĝas pri Esperanto. Intertempe mi bone amikiĝis kun la aŭtoro, kaj nun mi finpretigas la novan, slovak-Esperantan eldonon de la libro - pri tio mi en 1999 eĉ ne revis. La libro fariĝis por mi „Biblio“ - ĉar ĝi enhavas vere tre saĝajn kaj gravajn informojn por nuna mondo.

**Kial vi decidiĝis lerni Esperanton?**



La ĉefa punkto estis la simpleco de la lingvo, kaj la ekkono, ke ekzistas facila solvo de la nuna Babilono (kiun mi „proprahaŭte“ travivis en Germanio, kiam mi laboris en turisma regiono - kaj tie priservis homojn de pli ol 25 landoj. Ne ĉiam eblis komuniki kun ili germane, angle aŭ ruse - kaj pli da lingvoj mi ne sciis).

**Ĉu viaj unuaj E-paŝoj ligiĝas al Germanio?**

Jes, fakte mi tie komencis kun Esperanto. Post aŭ antaŭ la laboro mi iomete legis, skribis. Mi ne faris multajn kontaktojn kun samideanoj tiam (eble 4-5 foje mi vizitis ilin), ĉefe pro tempomanko, kaj pro tio, ke mi ankoraŭ ne estis kontenta pri mia Esperanto. Sed el Germanio mi veturis al ŜTRASBURGO al mia unua kongreso (estis IJK en 2001).

**Post relative mallonga lerno-periodo vi ĵetis vin en la E-vivon enlandan kaj ankaŭ internacian. Ŝajnas, ke vi havas amason da planoj, celoj.**

Antaŭ ol mi eksciis pri Esperanto, mi havis aliajn interesojn. Poste mi komencis pli enmovadiĝi, kaj mi tuj ĉie vidis nur lingvajn problemojn. Sed serioze - eble mi antaŭe dormis (ne vidis la situon kaj solvon) kaj post „vekiĝo“ mi volas veki ankaŭ aliajn - kaj montri al ili realon, pli belan ol la revo. Sed mi jam ekkomprenis, ke multaj ne volas vidi. Ili simple ŝatas dormi. Rilate al societo ĉe ni - ŝajnas al mi, ke ekde la tempo de reĝo SVÄTOPLUK ni ne multe ellernis - la socio estas en nia lando (kaj ne nur en la movado, sed ĝenerale) tiel polarizita, disigita! Ni malmulte „tenas“ kune, ne kredas al ni mem, en ia senco de nia klopodo.

**Vi estis unu el la kunfondintoj de la nova organizo „Slovakia E-Junularo“ (SKEJ) kaj samtempe vi ekis kelkajn gravajn projektojn.**

Mi fakte (kun amikoj de SKEJ) nur faras tion, kio mankis al ni je la komenco - por plifaciligi la vojon al posteuloj. Tial ni decidis krei multmedian KD-on, kiu

temas pri Esperanto - ĝi enhavos kurson de E-o, dokumentojn, librojn, kantojn, fotojn kaj filmon - kiu prezentos E-on al „eksteruloj". La tuta projekto estas farita multlingve kaj celas esti informilo ankaŭ por samideanoj, ankaŭ por neesperantistoj. La disko estos disvendata nur kontraŭ la eldonkostoj kaj ĝi verŝajne aperos en novembro 2003. Krom tio ni faris la retpaĝon <*www.esperanto.host.sk*>, planas reeldoni Lernolibron de Esperanto de V. NĚMEC, organizi komunan grupon por ĉeesti la E-o tendaron en Lančov venontsomere, kaj organizi internacian seminarion de E@I (Esperanto kaj Interreto) en BRATISLAVA venontjare.

**Inter viaj propagand- (aŭ inform-?) materialoj estas ankoraŭ belaj T-ĉemizoj de vi produktitaj.**



La T-ĉemizoj ŝajnis al mi bona ideo, sed mi baldaŭ bedaŭris - pro malgranda merkato en Slovakio mi esperis vendi ilin pere de UEA, sed ili ne montris intereson pri tio. Iom surprizis min, kiam mi en bulteno legis, ke UEA dum UK ne intencas vendadi T-ĉemizojn, insignojn... - kaj poste tie mi vidis amason de tiu-ĉi materialo (Kaj miaj T-ĉemizoj kuŝis en mia ŝranko en Slovakio - kie ili estas ĝis nun).

**Antaŭ nelonge vi informis pri la plano fondi propran E-eldonejon.**

Eldono - mi nur volis iomete disvastigi kelkajn librojn, kiuj estas laŭ mi tre legindaj (eĉ legendaj), kaj ankaŭ ian E-o literaturon. Tiu projekto nun iom stagnas (pro monmanko), kiel ĝi evoluos plu, ni vidos. Sed kelkaj libroj estas jam preskaŭ pretaj (Ni Ne Estas Senpovaj, Ĉio Pri Meditado).

**Kion vi faras aktuale?**

Nun mi plejparte meditas kaj okupiĝas pri E-o projektoj. Mi iom sportas, krom tio mi observas la mondon kaj serĉas eblan elirpunkton, solvon de la nuna stato de la tuta socio. Fakte mi serĉas sanigilon por la malsana socio - kiu jam longe suferas. Esperanto estas unu el tiuj kuraciloj - sed ne estas unu sola. Por sanigi la konscion oni devas kunigi pli da „medikamentoj" - forigi imagojn, ideologiojn, tute liberiĝi por vidi klare, senerare. (Por scii pli bv. tralegi ion de J. KRISHNAMURTI).

**Ĉu vi ŝatus ion mesaĝi al la legantoj de ES?**

Unue mi volus varbi ĉiujn gejunulojn (gravas animstato, ne fizika aĝo) por aliĝi (aŭ minimume subteni nin) al SKEJ, kiu estis oficiale, kun permeso de ministerio, refondita en aŭgusto ĉi-jare. Ni bonvenigos ĉiujn, kiuj ankoraŭ ne ĉesis revi, kiuj estas konvinkitaj, ke homo estas bona en sia naturo, kaj kiuj ankaŭ pretas montri tion al pesimistoj.

***Fine mi volas nur iom kuraĝigi samideanojn - ni vere ne estas senpovaj! Ĉiu de ni estas parto de la tuto. Per siaj agoj ni kreas la mondon. Sed la agoj komenciĝas en la menso. Tial ni povas esti nur tiel malfortaj, kiel ni kredas tion. Niaj pensoj kreas nian realon. Tial - ne lasu aliajn influi vian imagon, detrui kaj seniluziigi vian mondon. Ĉar indas pace batali por ĝi!***

*intervjuis: Katarína BODNÁROVÁ*

## KOMUNIKO DE LA ESTRARO PRI LA DEMISIO DE LA ĜENERALA DIREKTORO

La estraro de UEA ricevis peton de la Ĝenerala Direktoro forlasi sian postenon pli frue ol la antaŭe interkonsentita momento pro personaj kialoj.

La estraro, kun bedaŭro, akceptis lian peton kaj dankas lin pro la laboro farita por la Asocio en malfacilaj kondiĉoj. Lia personeco multe kontribuis al restarigo de bonaj homaj rilatoj inter la kunlaborantoj kaj inter la estraro kaj la Centra Oficejo.

Dum lia deĵoro komenciĝis rekonceptado de la funkciado de la Asocio en la modernaj kondiĉoj, adaptado de ĝia ĉiutaga agado al la nova epoko de reta komunikado, kaj restabiligo de aperigo de la revuo, kaj estis alfrontitaj novaj taskoj, kiel la kompreno pri la plej bona procedo por reordigo de la Biblioteko HODLER, la decido renovigi kaj modernigi la Centran Oficejon, kaj aliaj. Ankaŭ okazis du sukcesaj Universalaj Kongresoj kaj bone antaŭeniras la preparlaboro por du pliaj.

Pro ĉio ĉi la estraro ree dankas lin kaj bondeziras al li feliĉon en la nova vivo.

La estraro estas aparte danka, ke Trevor donis al ĝi sesmonatan averton por trovi kaj enpostenigi posteulon. Ĝi anoncos ene de la venontaj semajnoj sian planon por plenigi la postenon.

*la estraro de UEA*

*GAZETARAJ KOMUNIKOJ DE UEA n-ro 172, 2003-10-28*



## TREVOR STEELE KLARIGAS

*Mi venis al ROTERDAMO antaŭ preskaŭ du jaroj en epoko de grandaj problemoj pro demisioj. Mi kandidatis por la direktora posteno, ĉar ŝajnis, ke tiutempe la unua bezono ne estas administra talento/sperto, sed la kapablo resti trankvila en stresa situacio. Mi ne ĉiam sukcesis resti trankvila, sed sufiĉe longe, mi esperas, por permesi pli bonan komencon al mia posteulo, ol mi mem havis.*

*Fakte mi kredas, ke kvankam la CO ankoraŭ estas en etapo de necesaj ŝanĝoj (renovigo de la domo, konvertado de la tro malnova komputila sistemo, nekompleta kolegaro), la perspektivoj estas nun pozitivaj.*

*Ĉiukaze mi intencis resti nelonge en la posteno, kaj antaŭ kelka tempo mi decidis demisii antaŭ la fino de mia kontrakto (aŭgusto 2005). Kial? Kiel mi skribis aliloke, mi „kulpigas“ neniun alian, sed pro mia personeco mi ne volonte portas la ŝarĝon de respondeco por la funkciado aŭ nefunkciado de granda movado. Ecoj, kiuj helpas min verki romanojn, igas min senti min kvazaŭ birdo en kaĝo en la nuna situacio.*

*Mi tuŝis temon gravan por mi, kvankam ĝi eble ŝajnas vere frivola al aliaj: mi sopiras refoje verki, kaj mi scias, ke tio ne okazos, ĝis la kaĝo malfermiĝos...*

*Sincere, Trevor STEELE*

# LEGENDOJ PRI LA ALTAJ TATROJ - III.

## Fabelo pri la niksino de SMOKOVEC-oj

Ĉirkaŭ la duopo de la fontoj CASTRO kaj POLLUX en SMOKOVEC-oj laŭ la legendo oni ofte aŭdis belegan kantadon. Ĝi eliradis el la gorĝo de la niksino, kiu tiamaniere ĝojis, ke alproksimiĝas la lasta tago de sepjara servo de ŝia amanto ĉe la reĝino de TATROJ. Ŝi ĝojis, ke baldaŭ ŝi estos edzino de la belkreska fraŭlo. Sed subite aperis virnikso el la proksimaj AKVOFALOJ DE MALVARMA RIVERETO. La „malseka" amindumanto decidis forrabi la niksinon. La preparata forrabo estis fuŝita per la SMOKOVEC-aj fontoj. Per la faro de la reganto de la tatroaj lagoj, torentoj kaj putetoj, la akvo tiagrade ekplaŭdmurmuris, ke timigita virnikso pensis, ke akvo bolas. Do, li prefere rezignis pri sia plano kaj forkuris el „prisorĉita" loko por ĉiam. Baldaŭ ankaŭ la niksino foriris al sia amanto kaj en la arbaro sub sa montopinto de SLAVKOV (Slavkovský štít) restis nur la plaŭdmurmurintaj fontoj.

*Rimarko: Estas kvar loĝlokoj SMOKOVEC-oj: MALNOVA (Starý) SMOKOVEC, la plej granda kaj la plej malnova el la kvaropo de SMOKOVEC-oj. Ĝi estas la fervoja nodo, en kiu la reto de la Tatroa Elektra Fervojo branĉiĝas al okcidento, oriento kaj sudo. NOVA (Nový) kaj SUBA (Dolný) SMOKOVEC estas banlokoj kaj klimataj sanatorioj. La plej juna estas SUPRA (Horný) SMOKOVEC.*

## Fabelo pri la AKCIPITRA TURO

Sur la akra montopinto de nekonkerebla turo en prapasinteco brilis juvelŝtono. Multaj kuraĝuloj sopiris posedi ĝin, sed neniu sukcesis konkeri la akrajn rokajn murojn de la tatroa montopinto. Tamen unu juna fraŭlo promesis al sia amatino, ke li alportos la gemon al ŝi kiel geedziĝan donacon. Li sukcesis, sed tuj, kiam li tuŝis la juvelŝtonon, la gardanto de la tatroaj trezoroj tremigis la rokan muron kaj la malfeliĉa junulo falis en la montaran lagon sub la AKCIPITRA TURO. Akvo forglutis lin kune kun la verda ŝtono, kiun li tenis per siaj fingroj. La akvo ĝis hodiaŭ verde brilas, dank' al kio la montara lago ricevis la nomon „VERDA". Iuj rakontoj diras, ke la malfeliĉa fraŭlo estis la juna grafo Štefan THÖKÖLY, la filo de la kastelposedanto el KEŽMAROK.

*Rimarko: La VERDAN LAGON vi povas atingi per la flava turisma marko el la vilaĝo KEŽMARSKÉ ŽĽABY, kie vi povas vidi la AKCIPITRAN TURON (Jastrabia veža, 2 139 metroj alta).*

*tradukoj de Jarmila RECHTORISOVÁ*

## 77-A SAT-KONGRESO, BRATISLAVA, 2004-08-14/21

La **77-a SAT-kongreso** okazos la unuan fojon en la ĉefurbo de Slovakio, en BRATISLAVA, bela urbo sur la rivero DANUBO (Dunaj) ĉe la montetaro MALGRANDAJ KARPATOJ (Malé Karpaty). **Organize garantias** ĉi aranĝon KAVA-PECH, la kongresa kaj kleriga agentejo de Petro CHRDLE (DOBŘICHOVICE, CZ), la kunorganizanto estas ESO, ESPERANTO-SOCIETO BRATISLAVA.

**La kongreskotizoj** ĝis la 31. 1. 2004 por ***SAT-membro*** estas 55 eŭroj, por ***SAT-geedzoj*** 80 eŭroj, ***SAT-junul(in)o*** ĝis 25 jaroj 25 eŭroj, por ***nemembro de SAT*** 70 eŭroj, por ***junula nemembro de SAT*** 35 eŭroj. ***Slovakoj*** (kaj aliaj ekssocialismaj landoj) ĝuas 50-procentan rabaton, la infanoj ĝis 10 jaroj ne pagas la kotizon. La kotizo post la menciita limdato plialtiĝas. Post la interkonsento kun la organizanto por SKEF-anoj eblos pagi en la slovakaj aŭ ĉeĥaj kronoj ĝis la fino de januaro 2004.

Kiel **kongresejo** servos KULTURA DOMO TRNÁVKA en la samnoma urboparto de BRATISLAVA, kaj parte ankaŭ la apuda hotelo PLUS. Estos sufiĉe granda elekteblo de **tranoktebloj** najbare de la kongresejo jam ekde 7 eŭroj por persono kaj nokto de simpla apuda hotelo PLUS ĝis komforta proksima hotelo kun perfekta konekto per trolebuso sen ŝanĝo. Riĉa elekteblo de **ekskursoj** promesas riveran krosadon al la landlima surdanuba valbaraĵo GABČÍKOVO/NAGYMAROS, la pitoreskan urbon TRENČÍN, la famkonatan banlokon PIEŠŤANY, la montaron MALÉ KARPATY kun vizito de la kastelo ČERVENÝ KAMEŇ kaj la historia urbeto MODRA, la urbon TRNAVA nomatan „slovakia ROMO“ kaj memkompreneble gvidata trarigardo de la historia centro kaj burgo en BRATISLAVA.

**La postkongeso** (2004-08-21/28) okazos en PRAGO kaj BOHEMIA KARSTO.

*La interesuloj bv. peti pluajn informojn ĉe:*
*KAVA-PECH, Anglická 878, CZ 252 29 DOBŘICHOVICE*
*tel.: +420/257 712 201, fakso: +420/257 712 126*
*retadreso: <info@kava-pech.cz>, retpaĝo: <http://www.kava-pech.cz>*

Krom la partoprenantoj oni bezonos ankaŭ la volontulojn: ĉiĉeronojn, tradukistojn (precipe pri tekniko, historio, ktp.). Bv. aliĝi al

*Jarmila RECHTORISOVÁ, Segnerova 4, 841 04 BRATISLAVA*
*tel.: 0907/184-669, retadreso: <jarmilarech@hotmail.com>*

## TRANSIBERIA ESPERANTO-VAGONARO

Giorgio BRONZETTI, la direktoro de la itala Esperanto-novaĵagentejo DISVASTIGO, proponas Transiberian Esperanto-Vagonaron. *„Semajnon antaŭ la UK en PEKINO kolektiĝos en MOSKVO la vagonoj venantaj de ĉiuj landoj de Eŭropo kaj startos la Transiberia Esperanto-Vagonaro kun vojaĝanta antaŭkongreso kaj - vera alloga novaĵo - internacia lernejo de Esperanto kun specialistoj de rektmetoda instruado dum la veturado, kun longaj haltoj en fabelaj lokoj kiel ULAN BATOR kaj festaj akceptoj de la enloĝantoj,“* revas BRONZETTI.

*„La programo ne estas tute nerealigebla, se oni serioze okupiĝas pri ĝi per kunlaboro precipe de rusa kaj ĉina asocioj - eĉ sen la interveno de movadaj gravuloj, cetere ne ĉiam viglaj kaj entreprenemaj. La ideo povus altiri ankaŭ la intereson de iu grava turisma entrepreno, kiu lanĉus la proponon kaj disvastigus ĝin kapilare per siaj agentejoj.“*

Laŭ BRONZETTI ne mankus sloganoj kiel: *‚Eksterordinara travivaĵo: Lernu Esperanton veturante al Pekino‘, ‚Partoprenu la mondan kongreson de Esperanto lernante la lingvon dumvojaĝe‘* kaj simile.

*Por pli da informoj bv. kontakti: Giorgio BRONZETTI <gbronzetti@infinito.it>*
*<http://www.disvastigo.it>*

## ĈU ĈAMPIONO EN 2003?

En la lastaj du monatoj TROVANTO troviĝis en la statistiko EN LA UNUA LOKO. Indas enrigardi, ĉar ekde la 1-a de oktobro la retkatalogo denove entenas pli da rikordoj. Kaj kio pleje ĝojigas nin: en la nuna momento ĝi okupas la unuan lokon ankaŭ en la jara statistiko. Do, estas granda ŝanco, ke ni fariĝos ĉampiono por la jaro 2003!

Hejmpaĝo kun la elektronika katalogo TROVANTO: <*http://www.onb.ac.at/sammlungen/plansprachen/index.htm*>.

*Mag. Helga FARUKUOYE, Internacia Esperanto-Muzeo VIENO*

## POLA RADIO HAVAS NOVAN ELSENDOTEMPON

Ekde la 26-a de oktobro validas nova aŭtuna kadra programo. Kaj tio signifas, ke niaj elsendoj laŭ la Universala, tn. Griniĉa Tempo, aŭdiĝas je unu horo malpli frue. Ili komenciĝas je la 9.30, 11.00, 16.00, 19.00, 20.00 horoj UT. La elsendo-horoj laŭ la mezeŭropa tempo ne ŝanĝiĝas.

Bedaŭrinde, malgraŭ iuj antaŭaj sugestoj nia programo restas senŝanĝa. Same laŭenhave kiel ankaŭ laŭ la emisiado per la mallongaj ondoj.

Ĉiujn detalojn pri ni, pri niaj elsendoj, elektitajn tekstojn de niaj programeroj vi facile trovos en nia TTT-ejo: <*www.radio.com.pl/polonia/eo/*>.

Tamen ne fogesu reagi per opiniesprimoj, kritikoj, proponoj laŭ nia adreso: <*esperanto.redakcio@radio.com.pl*>.

Dankon pro via atento kaj kontribuemo.

*Barbara PIETRZAK, estro de la E-Redakcio de PR*

## APERIS ESPERANTLINGVA KD-ROM „MILDA NOKT'“ POR VINDOZO 98/2000/XP

La disko montras, en Esperanto, ĉiujn sciindaĵojn pri la kanto ‚Milda Nokt‘‘, la tre fama verko de Franz GRUBER kaj Joseph MOHR (1818). Ĝi prilumas ĝian devenurbon (kun multaj fotoj), ĝiajn aŭtorojn, kompreneble la originalan germanan version, sed ankaŭ diversajn Esperantlingvajn tradukojn same kiel tradukojn en amason da aliaj lingvoj. Ilustras la diskon 155 fotoj kaj multe da aŭdmaterialo pri tiu monde konata muzikaĵo. Por pliaj informoj <*http://www.esperanto.be/fel/but/lib/mn_pk.html*>.

*raportis: Paul PEERAERTS <esperanto@spamcop.net>; transprenite el NUN*

## HUNGAROJ EKESPERANTIGAS EŬROPAN KONSTUCION

La esperantlingva teksto de la preamblo de la Eŭropa Konstitucio estas parto de pli larĝa tradukprojekto. Ilia celo estas, ke tuj post la apero de la fina teksto de la Konstitucio estu eldonita dulingva (hungara-Esperanta) varianto de la Konstitucio de EU. Po unu ekzemplero ĝi estos donacita al ĉiuj hungaraj parlamentanoj kaj al ĉiuj hungaraj eŭrop-uniaj parlamentanoj por ke ili povu konvinkiĝi, ke Esperanto estas konvena lingvo por interpreti ĉion, - eĉ la EU-Konstitucion.

**Esperantigo de ĉi grava dokumento havas du ĉefajn celojn:**

- informi la Esperanto-parolantojn de Eŭropo kaj de la tuta mondo pri la nun ampleksiĝanta Eŭropa Unio;
- informi pri la interetna pontolingvo Esperanto la decidofarantojn de la Eŭropa Unio kaj de la landaj parlamentoj. Oni proponas al ili la instruadon de Esperanto kiel la unua fremda lingvo en ĉiuj elementaj lernejoj de la Eŭropa Unio. Helpe de Esperanto la infanoj facile akirus kapablon al la lernado de ĉiuj aliaj lingvoj. Tiamaniere post kelkaj jardekoj ĉiuj eŭropaj civitanoj povus egalrajte paroli unu kun la alia, - kaj kun ĉiuj esperantlingve parolantaj homoj de la mondo.

*Viaj kritikoj, rimarkoj kaj konsiloj estas bonvenaj en la retadreso: <ludoviko@freemail. hu>.*
*La poŝta adreso estas: D-ro Ludoviko MOLNÁR, BUDAPEST, Kelenhegyi u. 81.H-1118*
*La preamblon legu en <http://lingvo. org/eo/3/598>*

## PLENPAĜA REKLAMO PRI ESPERANTO APERIS EN LA ĴURNALO LE MONDE

Kadre de eŭropa kampanjo iniciita kaj financita de esperantlingva japana mecenato plenpaĝa reklamo aperis sabate la 14-an de junio 2003 en la 11-a paĝo de la ĵurnalo LE MONDE. La malavara mecenato deziris progresigi la ideon de Esperanto en Eŭropo kaj mem financis la aperon de kompleta paĝo en la ĉefa ĵurnalo de pluraj landoj. Post tri monatoj de diskutoj kaj argumentadoj por modifii la tekston kaj formon, kiuj estis altruditaj al ni, oni sukcesis trovi konsenton, kiu estis akceptebla de ambaŭ flankoj, dank' al efikaj kunlaboroj kaj subtenoj de Claude PIRON, Renato CORSETTI kaj de ĉiuj membroj de la estraro de ESPERANTO-FRANCE.

La teksto de la pagita anonco en LE MONDE, kaj de aliaj artikoloj publikigitaj tra la mondo legeblas ĉe: *<http://lingvo.org/eo/*gaz>*. La pasvorto estas ‚saluton‘.

Se vi ricevos reagojn el via ĉirkaŭaĵo sekve al tiu reklamo, ni estos dankaj, se vi informos nin pri tiuj reagoj.

*Bruno FLOCHON <bflochon@esperanto.org>*

# LE MONDE, „LINGVA EGALRAJTECO: NECESO POR EŬROPO"

*La malegaleco de la lingvaj rajtoj kaj la privilegio nun profitanta al unu el la naciaj lingvoj, endanĝerigas la kulturan diversecon, kiu estas riĉeco de Eŭropo, kaj pligravigas la ekonomian kaj socian malekvilibron de Eŭropo. Por plenumi la regulon pri egalrajteco de ĉiuj eŭropuniaj lingvoj Eŭropa Unio (EU) ĉiujare elspezas 2 miliardojn da eŭroj (34 % de la administra buĝeto) por interpretado kaj tradukado. Sen antaŭa publika debato pri la problemo la angla estas plej ofte uzata en la eŭropuniaj instancoj. Tion sekvas neakcepteblaj diskriminaciaj maljustoj.*

**Ĉu EU deziras, ke ĉiuj eŭropanoj parolu la anglan?**

***La ekonomiaj kaj sociaj rezultoj de la lingva malegaleco.***

Ĉiuj eŭropaj intelektuloj devas lerni la anglan, se ili volas trovi ioman agnoskon pri siaj laboroj. Tiu lernado kostas tre multe da tempo kaj da mono malgraŭ necerta rezulto, dum la angleparolantoj ne bezonas tiujn strebojn, kaj povas koncentriĝi al siaj laboroj kaj studoj. Nuntempe niaj fakuloj eĉ estas taskataj prioritate laŭ sia scipovo de la angla pli ol laŭ sia kompetento!

***La diskriminacio kontraŭ la denaskaj ne-angleparolantoj.***

La lingva diskriminacio same montriĝas en la dungproponoj de organizaĵoj financataj de EU adresitaj al ‚Native English Speakers' (pli ol 600 nombritaj de Eŭropa Esperanto-Unio), senkonsidere de la lingva egalrajteco proklamita de EU.

En la praktiko la uzo de la angla estas al ni pli kaj pli trudata. Iuj landoj, ene de EU, subtenas proponon, ke ĉiuj alilingvanoj devos ‚peti kaj pagi' la interpretadon en sian propran lingvon.

84 % de la EU-civitanoj ne estas angleparolantoj. Nuntempe ili elspezas astronomiajn sumojn por ellerni la anglan. Multaj studentoj tiucele aniĝis en anglaj kaj usonaj universitatoj. Tamen tio tute ne certigas dungon al ili, konsidere la ĝeneralan diskriminacion.

**Ĉu solvo ekzistas fronte al tia maljusteco?**

La lingvaj privilegioj superverŝiĝas en la ekonomion, kulturon kaj politikon. Imagu la indignajn protestojn de la angleparolantoj, se EU estiĝus francparolanta aŭ germanparolanta!

**Sed kial EU devus prikonsenti la superregadon de la angla?**

En la eŭropuniaj instancoj grandega ŝparo estus farata kaj estus protektata la demokrata multlingvismo de la debatoj kaj de iliaj priinformado dank' al la uzo de nenacia pontlingvo por la tradukado kaj la interpretado.

**Tia lingvo neŭtrala, facila, preciza ekzistas. Ĝi estas Esperanto.**

La kontrolata propedeŭtikeco de tiu lingvo, utiligate en la instruaj

sistemoj, faciligus kaj ŝatigus la lernadon de fremdaj lingvoj kaj kulturoj al la junaj eŭropaj civitanoj.

Dank' al tiu faciligo de la internacia kaj kultura interkomunikado la interŝanĝoj, interkompreniĝo, solidareco pli rapide kreskus inter la riĉaj kaj malriĉaj partoj de EU.

**Kio estas Esperanto?**




Ĝi estas lingvo elpensita en 1887 de la pola kuracisto, Ludoviko ZAMENHOF. Tiu lingvo ne celas anstataŭi naciajn lingvojn, sed prefere utili kiel komuna kaj sendependa helplingvo.

Ĝi estas nun bone disvolviĝinta lingvo kun parolantoj en pli ol 110 landoj.

***„Mi amas la vivon"* - esperantlingve tiel oni diras *„Jaime la vie"*.**

Esperanto posedas fonetikan ortografion kaj regulan senesceptan gramatikon. Ĉiuj ĝiaj radikoj estas naturaj, ĉerpitaj el la ĉefaj eŭropaj lingvoj. Do ni povas rekoni la plej grandan parton de Esperanta teksto, kaj ni povas lerni la lingvon sep-ok fojojn pli rapide ol la anglan.

Ni povas tiel encerbigi ĝin tre rapide, kaj ĝin ekpraktiki, ne nur pasive en legado, sed aktive en konversacio.

Esperanto estas instruata en privataj kursoj, en lernejoj, en universitatoj, per interreto kaj per korespondado.

**Kiu subtenas Esperanton?**

Pluraj Nobel-premiitoj, pluraj lingvistoj, kiaj Henriette WALTER, kaj 120 EU-parlamentanoj subtenas Esperanton. Jacques CHIRAC skribis en majo 2002: *„Ĝi estas afero, al kiu mi sincere favoras... Mi opinias miaflanke, ke la progresado de Esperanto, en la respekto, kiu estas propra al ĝi, de la diverseco, estus grava harmoniigilo kaj komprenigilo inter la popoloj. Estas tute sendube, ke, se la baloto estas al mi favora, mi proponos al la estonta registaro, kaj ĉefe al la ministro pri nacia edukado, enmeti ĝin kiel opcion en bakalaŭro..."*.

Vi certe rimarkis, ke la papo ĉiam finas en Esperanto siajn plurlinvajn bondezirojn „URBI ET ORBI". Umberto ECO en sia libro ‚La Serĉado de la Perfekta Lingvo' diras, ke *„Esperanto povus funkcii kiel internacia lingvo..."*.

Aliflanke tri rezolucioj de UNESKO (1954, 1985, 1993) *„invitas la membro-ŝtatojn instigi al la enkonduko de studprogramoj pri la lingvaj problemoj, kaj pri Esperanto en siaj lernejoj kaj establoj pri supera instruado"*.

**Esperanto kaj la amaskomunikiloj.**

Radio-stacioj regule elsendas en Esperanto en Aŭstralio, Brazilo, Ĉinio, Kubo, Hungario, Italio kaj Pollando.

Pli ol 100 magazinoj kaj gazetoj estas eldonataj regule en tiu lin-

gvo, kaj unu nova libro aperas en Esperanto ĉiutage.

Ankaŭ la interreto abunde disinformas la Esperanto-mondon per diskutejoj, retlistoj kaj profesiaj novaĵportaloj.

**Kiel lerni Esperanton?**

Vi povas lerni Esperanton per interreto kun: <*www.ikurso.com*>. Ankaŭ nia nacia asocio estas je via dispono.

**Ankaŭ estas je via dispono:**

Universala Esperanto Asocio (UEA): ĝi enhavas 20 000 membrojn en 117 landoj, dum 1 miliono da personoj parolas la lingvon tra la mondo. UEA ĝuas konsultajn rilatojn kun UNESKO, UN kaj la KONSILIO DE EŬROPO.

Pli detalaj klarigoj estas haveblaj sur ĝia TTT-ejo: <*www.esperanto.net*> aŭ <*www.uea.org*>.

**Kiel utiligi Esperanton?**

„Tutmonda Esperantista Junulara Organizo“ (TEJO) disponigas gastigadan reton „Pasporta Servo“. En 2003 aniĝis pli ol 1 000 familioj en 80 landoj, kiuj proponas senpagan gastigadon al esperantoparolantaj vojaĝantoj.

**Ĉu vi volas helpi al serĉado de pli granda lingva egalrajteco?**

Esperantoparolantoj povas renkontiĝi en festivaloj kaj internaciaj kongresoj, kies oficiala lingvo estas Esperanto: en ZAGREB en 2001, en FORTALEZO en BRAZILO pasintjare, en GOTENBURGO en SVEDIO en 2003, centoj da tiaj eventoj estas organizitaj ĉiujare.

Por festi la centjariĝon de Esperanto la kongreso de VARSOVIO kunvenigis 5 946 esperantoparolantojn, kaj neniu interpretisto estis bezonata!

Ĉiuj, kiuj bezonas superi la nunan lingvan barilon, konstatas, ke Esperanto estas la rimedo, kiu prezentas plej multe da avantaĝoj por la plejmulto da homoj. Tamen objektiva informado necesas, por ke la publiko ekkonsciu, ke Esperanto donas la plej bonan ŝancon, por kontraŭstari la nunan evoluon, kiu malaperigas la plejmulton el la mondaj lingvoj.

Vi povas sendi al ni vian monan kontribuon, por helpi al la solvo de la problemo de la lingvoj en Eŭropo.

**Celo:** Necesas, ke la individuoj kaj la kompanioj kune donacu entute 1 milionon da eŭroj por lanĉi ampleksan informkampanjon en Eŭropon. Sendu viajn donacojn al „ESPERANTO-FRANCE“, poŝtkonto: *CCP 85.535 D Paris*.

**Ebla kontribuo:** Por ĉiu donaco superanta 100 eŭrojn (la donacoj je malpli ol 100 eŭroj estas kompreneble akceptataj) estos senditaj kvitanco kaj informoj pri la uzo de la donaco.

Se vi bonvolus financi reklamanoncon en unu grava multlegata ĵurnalo de EU, ni povus enmeti en ĝin vian nomon kaj la nomon de via kompanio, se tion vi deziras.

Dankon por via subteno!

*<lingva-demokratio@yahoogroups.com>*

## CENT ESPERANTISTOJ EL ĈIUJ LANDOJ DE LA UNIO POR STARIGI LA „KOMITATON POR EKSPERIMENTADO DE LA INTERNACIA LINGVO EN LA EŬROPA UNIO"

Kiel vi eble jam scias, dum la dua renkontiĝo, kiun la „ESPERANTO" RADIKALA ASOCIO kaj la RADIKALA PARTIO havis kun la itala ministro pri klerigo, la ministro devontigis sin peti al la eŭropaj partneroj ekirigi eksperimentadon de la Internacia Lingvo en la venonta jaro.

Tiu ĉi atingita rezulto malfermas gravajn scenarojn por tio, kion jam en 1992 ni nomis „batalo por la eŭropa federacia lingvo": ĝi devontigas nin lanĉi ekde tuj la starigon de **„Komitato por eksperimentado de la Internacia Lingvo en la Eŭropa Unio"**! T. e. esperantista komitato, kiu devos havi anojn en ĉiu el la 25 landoj de la Unio, kiuj devos tuj startigi informadon kaj dialogadon kun la respektivaj reprezentantoj en la EŬROPA KOMITATO PRI KLERIGO, kies adresojn ni jam ricevis de la ministro. La starigo de la „Komitato por eksperimentado de la Internacia Lingvo en la Eŭropa Unio" okazos en BRUSELO ĉe la EŬROPA PARLAMENTO la 7-an kaj 8-an de decembro 2003, okaze de Kunveno pri la ĉefaj eŭropaj urĝaĵoj iniciatita de la grupo de la radikalaj Deputitoj ĉe la EŬROPA PARLAMENTO. Ni devos diskuti pri tio, kiaspecan eksperimentadon ni petu, en kiuj eŭropaj landoj oportunas komenci, kiun aĝozonon ni celu, kiujn celojn ni klopodu atingi kaj en kiom longaj tempoj.

Ni devos interkonatiĝi inter tiuj, kiuj - el ĉiuj 25 landoj de la Unio - volos kunordigi sin kaj esti protagonistoj de tio, kio antaŭanonciĝas kiel la plej granda politika oportunaĵo por Esperanto post tiu ĉe la SOCIETO DE LA NACIOJ komence de la pasinta jarcento.

La radikaluloj devontigas sin pagi al ĉiu partoprenonto la restadkostojn ĉe „HOTEL CROWNE PLAZA", 5-stela, (eskluzivante la ekstraĵojn) kaj la tri manĝojn. Estas antaŭvidata ankaŭ interpretadservo por Esperanto.

La vojaĝ-kostoj estas je ŝarĝo de ĉiu partoprenanto, escepte de dokumentitaj apartaj kazoj por venantoj el Orienteŭropaj landoj, kiujn la interesuloj devos proponi al ni. Por mendoj kaj informoj vi povas skribi al la ret-poŝta adreso: <*info@internacialingvo.org*>.

Ĝisdatigojn vi povos sekvi ĉe la retejo: <*www.internacialingvo. org*>

Amikajn salutojn kaj ĝis revido en BRUSELO!

*Giorgio PAGANO, sekretario de ER*

✍ Saluton, kara Fejfi! Mi volas esprimi dankon por via laboro ĉe ESPERANTISTO SLOVAKA. La danko apartenas ankaŭ al ĉiuj de la redakta konsilantaro. La gazeto estas traleginda de komenco ĝis fino. Plaĉas al mi via teknika laboro, do la tutaspekto de ES. Mi deziras al vi pluan emon por ĉiam pli leginda gazeto.

*Lucia MIKULOVSKÁ,* ŽILINA *(la eksredaktorino de ES)*

H I H I H

Dankon por n-ro 3/2003 ES. Do, ŝajnas al mi, ke ĝi nunfoje estas tro densa. Multaj interesaĵoj, sed dense - preskaŭ netrarigardeble. Certe estas eraro ankaŭ ĉe ni, legantoj, ke ni ne sendas al ES kontribuaĵojn mallongajn kaj interesajn. ✍

*Mária TOMAŠOVIČOVÁ,* NOVÉ MESTO N/VÁHOM

H I H I H



*La teknika redaktorino post la pena laboro*

*Substreku la malĝustan vorton kaj skribu dekstren la korektan!*

| | |
|---|---|
| En la koko estas dudek ovoj, diris la kuiristino. | |
| En mia kolo estas muso. Ĝi formanĝas miajn manĝaĵojn. | |
| Kiam mi estis sur la pinto de la monto, mia kapo flugis for. Poste mi trovis ĝin en la valo. | |
| Samideano Frosto diris: „Ĉe ni en Siberio ventro ĉiam estas malvarmega. “ | |
| Mi donacas al vi bone odorantajn florojn, metu ilin en vian nazon. | |
| Mia taso estas for. Mi estas feliĉa. | |
| Mia kapo estas malplena. Nenia marko estas en ĝi. | |
| Mi trovis muson en la ĉielo. Ĝi jam estis mortinta. | |
| Ni havas en nia hejmo malgrandan bildon, kiu kantas de mateno ĝis vespero. | |
| Li estas terura viro. Li manĝas ĉiutage dek du homojn. | |
| En tiu ĉi pomo estas granda loĝantaro. | |
| Post la amuza vespero la mastrino ordigis la ĉambron kaj trovis surprize gaston sub la tablo. | |
| Mi rekomendas tiun ĉi veston. Ĝi estas farita el la plej bona pano. | |
| Hieraŭ nokte, kiam la suno hele brilis, mi promenis kun mia hara fianĉino en la parko. | |
| Li malsukcesis en la ekzameno, per tio li perdis unu haron. | |
| Kiam mi vizitis lin, li sidis sur sia reĝo. | |
| Vi havas bone florantan nazon. | |
| En tiu ĉi ŝafejo posttagmeze estas danco. | |
| Al la Esperanto-gramatiko apartenas la konata Zamenhofa fabelo. | |
| Li naskiĝis en la sama lago kiel lia edzino. | |
| Volonte mi manĝas rozon kun viando. | |

*(La gramatika ludo el la pasintjara ANABEL en HALLE/SAALE)*H I H I H

La ĝustan solvon de la krucvortenigmo el la pasinta numero
***„Afabla vorto pli atingas ol forto“*** (proverbo de Zamenhof)
sendis M. TOMAŠOVIČOVÁ, N. MESTO N/VÁHOM.

**Al ĉiuj ĉi-jaraj solvintoj la redakcio sendas etan esperantaĵon.**

*Karaj geamikoj, permesu al ni agrabligi al vi la atmosferon de la alvenantaj kristnaskfestoj. Ĉiu el ni certe havas sian propran imagon pri feliĉaj kaj trankvilaj kristnaskfestoj, sed verŝajne ne estas inter ni homo, kiu sukcesus defendi sin kontraŭ ilia forta sorĉo. Ni alvenas al vi dezirante, por ke vi dum la kristnaskaj tagoj trovu momenton por pasigi ilin en silento kaj trankvileco de via interna mondo. Estu ĉiu el la restantaj tagoj de ĉi-jaro por vi kaŭzo al ĝojo kaj glorigo.*

## SANKTA NIKOLAO



Sankta Nikolao estas tiu sanktulo, kiu ricevis, en la vivo de la Eklezio, la kulton pli vastan, post tiu de la s-ta Virgulino Maria. Li naskiĝis en la antikva ANATOLIO, en PATARA DE LYCIA, eble en 250 aŭ 260 post Kristo.

Li famiĝis pro sia nobleco al malriĉuloj kaj bezonantoj. La epizodo, efektive, kiu karakterizis la periodon de lia juneco, kiam li estis ankoraŭ simpla laiko, estas, kiam li helpis tri malriĉajn junulinojn, donante sekrete, dumnokte, tri saketojn plenajn da mono. Nuntempe, en la ikonografio estas bildigitaj tri sferoj oraj (la tri saketoj) sur la evangeliaro. Tiel, danke al li, ili edziniĝis. Kiel pastro plena je karitato li zorgis pri bezonoj spiritaj kaj malspiritaj de siaj fiduloj.

Verŝajne li mortis post la 1-a Koncilio de NICEO, do post la 325 p. K.

Famega pro sia protektado sur maro, li fariĝis dum la 11-a kaj la 15-a jarcentoj la sanktulo plej alpreĝata en la kristana mondo, precipe post la „ŝtelo“ de liaj ostoj fare de maristoj apulujaj en 1087.

Sankta Nikolao estas patrono de bakistoj kaj lombardistoj.

Lia festotago estas la 6-a de decembro.

Hodiaŭ sankta Nikolao estas simbolo de ekumenismo.

En la popolkredado sankta Nikolao evoluis al magia maljuna viro, kiu aperas dum la decembra festosezono, precipe la 6-an de decembro (la Nikolaotago), je Kristnasko, kaj je Novjaro, kaj donas donacojn (ludilojn, dolĉaĵojn, ktp.) al geinfanoj. Tiu viro ekzistas en diversaj formoj kaj havas multajn kaj diversajn nomojn, aspektojn kaj povojn. Rakontoj varias de lando al lando laŭ kulturo kaj tradicio. En Esperanto li estas nomata, krom sankta Nikolao, ankaŭ Avo Frosto, Patro Kristnasko, la Kristnaska Viro, k. s..

*El VIKIPEDIO, la libera enciklopedio*





## SANTA CLAUS

Santa Claus [santa klaz] estas la usona versio de Patro Kristnasko, Avo Frosto aŭ sankta Nikolao de aliaj landoj. „Santa Claus“ estas angligo de la „Sinter Klaas“, de la nederlandanoj de NOVJORKO de la 17-a jarcento, kiu laŭvice estas formo de „sankta Nikolao“. Santa Claus estas maljuna dikulo kun longa, blanka barbo, kiu portas ruĝan kaj blankan kostumon, stiras flugantan sledon, kiu estas tirita per flugantaj boacoj (Rangifer tarandus) kaj li liveras donacojn dum Kristnaska antaŭnokto. Li ofte ridas.

Nia scio pri santa Claus venas plej parte el kristnaskaj kantoj kaj televidaj filmoj.

Santa Claus loĝas en la NORDA POLUSO kun sia edzino, sinjorino Claus. Tie li havas grandan ludilfabrikon, kie laboras multaj elfoj dum la jaro. En la antaŭnokto de Kristnasko li liveras la donacojn per sia fluganta sledo. Li eniras domojn ne tra pordego, sed tra kamentubo. Li ne nur liveras donacojn, sed ankaŭ enmetas dolĉaĵojn kaj ludiletojn en ŝtrumpojn pendigitajn apud la kameno. (Tiu lasta kutimo devenas de la historia sankta Nikolao.)

Santa Claus estas ĉioscia: li scias, ĉu vi estas bona aŭ malbona dum la jaro kaj havas grandan liston de infanoj kaj ilia boneco. Li ofte revizias kaj kontrolas la liston. Se vi estas malbona dum la jaro, li donacos al vi bulon da karbo, ne ludilon. Por peti lin por donaco, iru al vendoplaco kaj petu lian helpanton (kiu portas la saman kostumon) dum la kvar semajnoj antaŭ Kristnasko.

La naskiĝo de Santa Claus estas fakto nekonata kaj nediskutata.

La nomoj de la flugantaj boacoj de Santa Claus estas: Dasher, Dancer, Prancer, Vixen, Comet, Cupid, Donner kaj Blitzen. Antaŭ 1964 li akiris novan boacon, Rudolph, kies nazo estas ruĝa kaj lumas (por gvidi la sledon tra la nebulo!).



En la menso de multaj infanoj en USONO, liaj kredantoj, Kristnasko ne estas festo de Kristo, sed la festo de Santa Claus. En la menso de multaj plenaĝuloj (liaj nekredantoj!) Santa Claus estas simbolo de la bedaŭrinda komercigado de la sankta tago de Kristnasko.

*El VIKIPEDIO, la libera enciklopedio*

# NATALE - KRISTNASKAJ TRADICIOJ EN ITALIO



En la kultoj kaj religio de la antikva ROMO (ofte centritaj al la imperiestro) la funkcio de la festo nomita „natale“ estis festi tiajn grandajn okazojn, kiel estas la fondiĝo de urbo aŭ la naskiĝo de eminentulo aŭ diaĵo. Sian propran fondiĝon ROMO festis la 21-an de aprilo; poste, la „dies natalis“ de la imperiestro fariĝis publika festo, kun pompo komparebla al la „natale“ de iuj diaĵoj, kies naskiĝdato havis gravan signifon. La plej grava estis tiu de Mitrao: la 25-a de decembro estis la dato, je kiu oni festis samtempe ĝian „natale“ kaj la vintran solsticon. La naskiĝdaton de s-ta Infano (kiu venis al la Tero por elaĉeti la homaron, kaj tiel ilumini la homan vivon) oni elektis tiel, ke ĝi koincidu kun la tempo, je kiu taglumaj horoj eklongiĝas; tio estas nelonge post la vintra solstico.

Kiel ĉie alie, Kristnaskon ĉefe karakterizas ĝojego, abunda lumo kaj dolĉaj kristnaskaj karoloj. Stratojn oni ornamas per ruĝaj aŭ verdaj tapiŝoj kaj precipe per ekbrilantaj multekoloraj lumoj, kiuj eble reprezentas la stelon de la 'Presepio', Kristarbo, aŭ aliaj simboloj. Apartan etoson kreas la „zampognari“, la ludantoj, kies ludadon oni povas aŭdi sole en ĉi tiu periodo de la jaro. Dum la naŭ tagoj antaŭ ĉi tiu ferio la „zampognari“ (ŝafistoj el apudaj montaj regionoj) promenas laŭ la ĉefaj ŝoseoj de urbegoj grandaj kaj malgrandaj, plenigante ilin per kristnaskaj karoloj. Ili ĉiam iras duope; unu ludas la kaproledan sakŝalmon nomitan „zampogna“ aŭ „cornamusa“ (fora kuzo de la skota sakŝalmo), dum la alia ludas la „ciaramella-n“ (ligna fluto).

La kutimoj ligitaj kun ĉi tiu festo estas iom antaŭkristanaj, iom lastatempaj. Inter la unuaj ni povas inkluzivi la tradicion (evidente devenintan de la roma Saturnalis), kiun konsistigas la uzado de iluminaĵoj kaj la interŝanĝado de donacoj. Al ĉi tiu ni aldonu la „ŝtipon“ („ceppo“ de nordeŭropa origino) kiu daŭre brulas de Kristnasko ĝis la Novjara Tago. Pro tio, ke ĝi reprezentas la viglecon de fajro, ĝi indikas la bezonon de paciĝo; ĝian konsumadon malrapidan oni povas identigi kun la „estingiĝo“ de la malnova jaro kaj de kiaj ajn negativaj elementoj, kiujn tiu kunportis.

Al la arkaika kulto de arboj - kaj tial al fremda civilizacio - ni ŝuldas la tradicion de Kristarboj. Vaste adoptite depost la Dua Mondmilito plejparte pro la usona influo, arboj (tiel italigite) ornamas por ĉi tiu festo ĉiun domon kaj ŝoseon. La plej granda Kristarbo en la mondo (eĉ menciita en la „Guinness Libro de Mondrekordoj“) rekonstruiĝas ĉiujare ĉe GUBBIO (Peruĝo) en la regiono de UMBRIO. Oni distribuas ok cent lumfontojn kune kun 12 kilometroj da kabloj laŭ la deklivoj de MONTO IGINO tiel, ke formiĝu eksterordinara brila arbo, kiu brilas inter la 7-a de decembro kaj la 11-a de januaro. Ankaŭ famegas la abio, kiun ĉiujare donacas siavice nordeŭropa lando al la URBO VATIKANA, kaj kiun oni povas admiri en la Placo de s-ta Petro kune kun la bela staltrogo kaj ĝiaj naturgrandaj figuroj.

Sufiĉe ĉiea estas ankaŭ, evidente, la figuro de „Babbo Natale“. Ankaŭ ĉi-kaze neitala tradicio estas nun nemalhavebla ero de niaj festoj. Ĝuste kiel lia fama frato (aŭ kuzo?) sankta Nikolao, Babbo Natale sin vestas per belega ruĝa kompleto kaj granda blanka barbo, li loĝas en nordaj landoj, vojaĝas sur sledo tirata de boacoj, kaj en la bonhumora kristnaska nokto transiras la ĉielon alportante donacojn al infanoj... kaj al ĉiuj aliaj. Por iuj - efektive, mi diru: por nemultaj - „Babbo Natale“ estas anstataŭigo de „Gesù Bambino“ (Bebo Jesuo): la funkcio estas la sama, kaj ankaŭ la maltrankvilo, per kiu infanoj atendas la alvenon de unu aŭ la alian. Ho, kompreneble: nek unu, nek la alia alvenos, se vi ne sendis al li vian letereton aŭ se vi ne bone kondutis („... li scias, kiu estas bona kaj malbona...“). Abundas ruĝaj leterkestoj, en kiujn infanoj povas meti siajn delikatajn leteretojn. Parenteze: fama marko de italaj kristnaskaj kukoj lastatempe inkluzivas inter la premioj de sia loterio viziton al la hejmo de sankta Nikolao. Jen, sankta Nikolao JA EKZISTAS!

Familioj kutime kuniĝas ĉirkaŭ la Kristnaskosceno, delonge la vera kerno de Kristnasko tra la tuta Italio - kvankam, kiel ni vidis, la tradicio de arbo-ornamado fariĝis la dua karakterizaĵo de la itala festo. La „Presepio“ aŭ „Presepe“ devenas de la jaro 1223. Tiun jaron s-ta Francisko de Asizo, celante fari la epizodojn bildigitajn en la s-taj Skriboj pli



facile kompreneblaj, reprezentis unuafoje la naskiĝon de la s-ta Infano ĉe GRECCIO (apud RIETI). Pli-malpli en la sama epoko la toskana arkitekto kaj skulptisto Arnolfo di CAMBIO kreis „presepe“, el kiu parto estas konservita en la baziliko de s-ta Maria Maggiore en ROMO. En la sekvintaj jarcentoj ĉi tiu simbolo disvolviĝis dank' al la dominikana kaj jezuita ordenoj, kiuj manfaris multajn tipojn, el kiuj kelkaj estis eĉ moviĝantaj. Malmultaj el ili atingis nin pro la frakasiĝeco de la materialo kaj precipe de terakoto, el kiu oni konstruis la unuajn staltrogojn. La plej rimarkindaj estas tiuj de la renesanco (ekzemple, tiu el ligno konstruita de s-ta Giovanni CARBONARA en NAPOLO en 1484).

Nur komence de la 16-a jarcento - dank' al s-ta Gaetano de THIENE (konsiderata kiel la inventinto de popularecaj staltrogoj) - ĉi tiuj scenoj ekinkluzivis sekundarajn rolantojn. En la 17-a kaj 18-a jarcentoj ĉi tiu „tradicio interne de la tradicio“ ekdisvolviĝis en ROMO (s-ta Maria en ARACOELI), en ĜENOVO, en SICILIO kaj precipe en NAPOLO. En tiu lasta urbo, spektaklajn komponaĵojn oni montradis en preĝejoj kaj en kapeloj de nobelaj familioj. Kun la tempopaso la faraĵoj pli kaj pli valoriĝis pro la etaj detaloj de la statuetoj kaj objektoj kaj ankaŭ pro la pejzaĝoj. Efektive, tiuj konsistis el kelkaj lertegaj pejzaĝeroj aldone al la ĉefaj rolantoj (la s-ta Infano, la patrino de Jesuo, kaj s-ta Jozefo, ĉirkaŭitaj de virbovo, azeno, kelkaj anĝeloj kaj ŝafistoj). Kunlaborante kun spertaj metiistoj la plej famaj artistoj (kiel SOMMA, SANMARTINO, kaj VACCARO en NAPOLO; MARAGLIANO en ĜENOVO; kaj MATERA en SICILIO) kreis figuretojn skulptitajn el ligno kun terakotaj kapoj, manoj kaj piedoj, kaj vestitajn per tre elegantaj kompletoj kaj juveloj. Kelkaj el ĉi tiuj specimenoj, poste rekonstruitaj, estas videblaj en la Muzeo de s-ta Martino en NAPOLO; en la Reĝa Palaco de CASERTA; en la preĝejo de s-ta Chiara en NAPOLO (de kie iu ŝtelis kelkajn figuretojn antaŭ kelkaj jaroj, sed, bonsorte retrovitaj, ili estas restaŭritaj al sia originala medio); kaj en la Galerio de Palazzo Rosso en ĜENOVO.

Precipe ampleksan pritrakton meritas la maniero, laŭ kiu disvolviĝis ĉi tiu tradicio en NAPOLO. Tie metiistoj ne nur konstruas figuretojn, kastelojn, vilaĝojn kaj ion ajn eblan por ornami ĉi tiujn scenojn, sed por plibonigi tiujn nemalhaveblajn erojn ili ankaŭ iel provizas la taŭgan etoson. Ĉi tie la ĉefaj rolantoj (ne ĉiam kun sia ĉirkaŭantaro aŭ kun la tradicia medio de la staltrogo aŭ la montaraj dometoj) ofte montriĝas strange. Mi memoras la miron, kiun antaŭ kelkaj jaroj mi sentis pri la vidaĵo de la Tri Saĝuloj. Ili sin vestis per manteloj el delikataj veluro kaj silko, kiujn ornamis orumitaj plektaĵoj; ĉio ĉi tiel eleganta, ke ĝi memorigis pri la plej riĉaj teksaĵoj de la Oriento. Tiom intense ĉiam mi miras, rimarkante la esprimecon de la vizaĝaj aspektoj kaj la abundon de detaloj. Kiel oni ne miru, vidante la klavojn de ŝafistaj pipoj kaj sakŝalmo aŭ etajn korbojn kun fruktoj, legomoj, fiŝoj, k.t.p., kiuj ofte kompletigas ĉi tiujn scenojn? La leganto memoru, ke kiam mi parolas pri korboj, mi priparolas ion kun amplekso de maksimume tri centimetroj, aŭ unu colo kvadrata. Eble la fabrikintoj de mikro-blatoj ion lernis de la arto de presepe-faristoj (la „Presepari“)? Memevidente, la perfekto de ĉi tiuj staltrogoj ne jam finiĝis: oni tute ne povas ne miri, vidante la ventmuelilojn, la lumojn en la dometoj kaj la fajron, kiu kraketas en la etaj pizzao-bakujoj.

Kreantoj de mirinda etoso en la centro de „Spaccanapoli“, la „Presepari“ de ĉi tiu urbo tute ne nur reprezentas kaj vendas la rolantojn klasikajn, sed ankaŭ konstruas etajn statuojn ofte reprezentantajn individuojn, kiuj famiĝis pro aktualaj aferoj. Ekzemple, 1997 estis la jaro de la princino Diana kaj Patrino Tereza de KALIKATO; al ĉi tiuj aldoniĝis en 1998 la prezidento CLINTON kaj lia „amikino“ Monica. Oni devas tamen klarigi, ke plej ofte ĉi tiujn novajn rolantojn oni aĉetas ne kiel aldonojn al iu Presepe sed nur kiel etajn ornamaĵojn por hejmo. Pro ĉi tiu tradicio Spaccanapoli kaj Via S. Gregorio Armeno (loko, kiun oni renomas ĉi-tempe „Kristnaskan Vojeton“) estas tiel rimarkindaj, ke ilin agnoskis UNESKO kiel mondan trezoron... Prezentado ja trafenda.

Tra la tuta lando neelĉerpebla kreemo daŭre formas ĉiajn eblajn „Kristnaskoscenojn“, elmontratajn en domoj, preĝejoj aŭ publikaj kunvenejoj. Troviĝas naturgrandaj, monumentaj kaj animitaj (diverseco, kiu simboligas la diversajn artojn kaj metiojn). Varias eĉ la materialo, el kiu oni ilin konstruas.



Ĝi etendiĝas de vakso (kiel okazas ĉe BUSCEMI kaj CALTAGIRONE, ambaŭ en SICILIO; pro la eŭropaj ekspozicioj, en kiuj oni ekspozicias iliajn produktaĵojn, ĉi tiu centro pli kaj pli famiĝas kiel „la urbo de Presepe") al ligno (ekzemple ĉe CESENATICO, kie la Infano ekvidas la lumon ne inter virbovo kaj azeno, sed inter delfenoj gravuritaj el ĉi tiu materialo; aŭ en VARESOTTO, apud VARESE, kie okdek-jaraĝa „junulo" kunmetis 140 figurojn, kiujn li mem manskulptis el arboradikoj kun nemultaj modifaĵoj). Eĉ pli imponaj estas la staltrogoj metitaj en kavernoj (SANTADÌ en SARDLANDO ), super akvofluejoj (ĉe MARCHENO apud BRESCIA, kie 'presepe' konstruiĝas trans la rivero), aŭ eĉ en la maro (AMALFI).

Fine estas la Kristnaskoscenoj de VARESE (kie la Pastaĵa Fabriko de Cantù konstruas sian 'Presepe' el... pastaĵoj) kaj GEMONA (UDINE) (kie la figuretojn konstruas famuloj de distraĵoj kaj teatraĵoj). Fine, estas menciinde, ke oni prezentas multegon da „vivantaj Kristnaskoscenoj" jaro post jaro en centroj ĉu malgrandaj, ĉu grandaj.

Ankaŭ aliajn iniciatojn oni organizas honore al ĉi tiu festo. UNESKO ekzemple establis en BET-LEĤEM konstantan muzeon de Kristnaskoscenoj, kiuj venis de la „Internacia Ekspozicio de Presepi", kiu kutime okazas en VERONO. Fine, sufiĉe fame konata estas la mega-ekspozicio „Natale Oggi", kiu okazas en ROMO kaj gastigas objektojn faritajn ĉie en la mondo honore al Kristnasko.

Diversaj tradicioj kaj multekultura fono de ITALIO plej bone esprimiĝas en la kuirarto de ĉi tiu festa tempo. La ingrediencoj de la „cenone" („granda vespermanĝo") kaj la kukoj surtabligitaj por ĉi tiu ferio povas montri konsiderindajn diferencojn inter diversaj regionoj. Ekzemple, inter kukoj, kiujn oni surtabligas en la sudo, estas la fama „struffoli" (formita deserto farita el etaj buloj da pasto, kiujn oni fritas kaj poste metas en teleron pasteĉoforman kaj kovras per abunda mielo kaj malgrandaj kandizitaj konfetoj ŝprucigitaj sur la supron). En la sama loko la manĝaĵoj de Kristnaska Antaŭvespero kaj Kristnaskotago baziĝas sur marmanĝaĵoj (precipe spaghetti kun pektenoj, mituloj, peklita moruaĵo kaj diversaj krustuloj); en la Nordo surtabliĝas kaj viando kaj fiŝaĵo. Komunaj al ĉiuj italoj tamen estas antaŭ ĉio sekigitaj fruktoj, interalie sekigitaj figoj, figoj kun migdaloj, daktiloj, juglandoj, migdaloj kaj aveloj.

Due, kun la tempopaso oftiĝis sur niaj tabloj deserto, nome „la ŝtipo", kiu kiel ni vidis, rilatas nemalmulte al la simboleco de ĉi tiu tempo kaj estas ofte preparita laŭ la ĉokoladkovrita versio. La aliaj regionaj desertoj nun konsumataj tra la tuta lando estas „Panettone" (kiu signifas „panego"); „Pandoro" (ora pano); „Panforte" (forta pano); kaj „Torrone". La unuan oni faras per dolĉa pasto fermentita kaj oni ĝin plenigas per sekvinberoj, riboj kaj kandizitaj fruktoj. En la pasto de la dua estas multe da butero donanta ĝian strangan oran aspekton. Ambaŭ estis origine faritaj en la Nordo - „Panettone" en Milano kaj „Pandoro" en VERONO (hejmo de Romeo kaj Julieta). De SIENO, aliflanke, venas „Panforte" kaj aliaj malgrandaj ovalformaj bombonoj nomitaj „Ricciarelli". La bazo de la unua similas komunian hostion; la pasto estas farita el miksaĵo de mielkuko, mielo, kandizitaj fruktoj, nuksoj kaj spicoj (kompreneble, la lastaj fariĝas la plejaj ingrediencoj en la versio spica) kaj la surfacon vualas pulvorigita sukero. Kiel oni povas diveni, ĝi estas dolĉega kaj tial mi rekomendas, ke oni manĝu ĝin kiel malgrandajn porciojn aŭ kiel post-ĉefmanĝan pladon. Ĉi tiel ĝi daŭras pli longe kaj oni povas plene gustumi ĉi tiun eksterordinaran deserton (kompreneble, mi same rekomendus ĉiujn aliajn desertojn, sed verŝajne tio implicas). La lastajn, male, oni faras el migdalbazita pasto kaj kovras per pulvorigita sukero aŭ ĉokolado.

Fine estas la „Torrone" (aŭ migdala nugato), longigita kuko, kiu povas esti tre dolĉa. Farata el multe da sukero, migdaloj, nuksoj, pistakoj kaj mielo, kaj ankaŭ vendata en la „ornamaj" versioj kun ĉokolado aŭ alkoholaĵo, ĝi estas kuko de suda origino, el kiu ekzistas eĉ pli malgrandaj specoj (la grandeco de ĉokolada bombono). Kredu min, kun ia „dolĉa" bedaŭro oni sentas ilin solviĝi en la buŝo. Malendas klarigi, kial dentistaj kaj dietistaj klinikoj pleniĝas je pacientoj nelonge post la ferioj.

*laŭ Maria LAMKIN, decembro 1999 (elangligis Mike LEON, julio 2000)*

## *STILLE NACHT*

### *fama germana kristnaska kanto * muziko: Franz Xaver GRUBER * teksto: Josef MOHR*

Stille Nacht, heilige Nacht!
Alles schläft, einsam wacht
nur das traute hochheilige Paar.
Holder Knabe im lockigen Haar,
[: schlaf in himmlischer Ruh´. :]

Stille Nacht, heilige Nacht!
Hirten erst kundgemacht;
durch der Engel Halleluja
tönt es laut von fern und nah:
[: Christ der Retter ist da! :]

Stille Nacht, heilige Nacht!
Gottes Sohn, o, wie lacht
Lieb´ aus deinem göttlichen Mund,
da uns schlägt die rettende Stund´,
[: Christ in deiner Geburt. :]



### *Esperantigo: Jiří KOŘÍNEK*

Milda nokt‘, sankta nokt‘,
dormo nur regas nun,
dormas ankaŭ infano de Di‘,
Sankta paro maldormas ĉe Li,
[: kovru lin paco kaj ben‘. :]

Milda nokt‘, sankta nokt‘.
Jen anĝel‘ el ĉiel‘,
venas ĉie paŝtistoj el dom‘,
Sonas ĝoja mesaĝo por hom‘,
[: sendis Savanton Di-bon‘. :]

Milda nokt‘, sankta nokt‘.
Por trankvil‘ Dia fil‘,
teren savi nin venas al ni,
lum‘ eterna, gvidonta radi‘,
[: aŭdu ni voĉon de Di‘. :]

### *slovaklingve*

Tichá noc, svätá noc!
Všetko spí, všetko sní,
sám len svätý bdie dôverný pár,
stráži dieťatko, nebeský dar.
Sladký Ježiško spí, sní,
nebesky ticho spí, sní.

Tichá noc, svätá noc!
Anjeli zleteli,
najprv pastierom podali zvesť,
ktorá svetom dnes dáva sa niesť:
Kristus Spasiteľ je tu,
Tešiteľ sveta je tu!

Tichá noc, svätá noc!
Nežná tvár lásky žiar
božsky rozsieva v jasličkách tam:
bije záchranná hodina nám
v tvojom zrodení, Boh Syn,
Ježiško, Láska, Boh Syn.

### *ĉeĥlingve*

Tichá noc, svatá noc!
Jala lid v blahý klid.
Dvé jen srdcí tu v Betlémě bdí,
hvězdy při svitu u jeslí dlí,
[: v nichž malé děťátko spí! :]

Tichá noc, svatá noc!
Co anděl vyprávěl,
přísed s jasností v pastýřův stan,
zní již s výsosti, s všech země stran:
„Vám je dnes Spasitel dán,
přišel Kristus Pán!“

Tichá noc, svatá noc!
Boží láska si s úsměvem hrá
zpod zlaté řasy k nám vyzírá,
že nám až srdéčko plá,
[: vstříc mu vděčně plá! :]

***pollingve***

Cicha noc, święta noc,
pokój niesie ludziom wszem,
a u żłobka Matka Święta
czuwa sama uśmiechnięta,
nad Dzieciątka snem.

Cicha noc, święta noc,
pastuszkowie od swych trzód
biegną wielce zadziwieni,
za anielskim głosem pieni,
gdzie się spełnił cud.

Cicha noc, święta noc,
narodzony Boży Syn,
Pan wielkieko majestatu
niesie dziś całemu światu
odkupienie win.

***hungarlingve***

Csendes az Ej, Szent ez az ej,
A Vilag alma mely,
Csak egy szokhaju gyermek felett.
Virraszt gondosan a szeretet.
[: Almod aldott legyen :].

***ukrainlingve***

Tykha nich, svyata nich
Yasnist' bye vid zirnyts'
Dytynon'ka presvyata
Taka yasna mov zorya
[: Spochyvaye u sni. :]

Tykha nich, svyata nich
Hey utrit' slozy z vich
Bo Syn Bozhyy' yde do nas
Tsilyy' svit lubovyu spas
[: Vitay svyate dytia! :]

Tykha nich, svyata nich
Yasnyy' blysk z neba bye
V ludskim tili Bozhyy'
Syn Pryy'shov nyni v Vefleyem
[: Shchob spasty tsilyy' svit. :]

***latinlingve***

Sancta nox, placida nox!
Nusquam est ulla vox;
Par sanctissimum vigilat,
Crispo crine quieti se dat
[: Puer dulcissimus. :]

Sancta nox, placida nox!
Certior fit pastor mox
Angelorum alleluia;
Sonat voce clarissima
[: Iesus salvator adest. :]

Sancta nox, placida nox!
Nate Dei, suavis vox
Manat ex ore sanctissimo,
Cum is nobis aŭilio,
[: Christe, natalibus. :]



***interlingue* * traduko: Thomas BREINSTRUP, Jorgen KOFOD-JENSEN**

Nocte seren, nocte divin!
Totes dormi, totes sin
le dilecte sanctissime par.
Belle pupo, buclate e car,
[: Dormi in pace divin! :]

Nocte seren, nocte sacral!
Al pastores le primal
Hallelujah per angelos clar
de lontan e vicin va sonar:
Christo es la, salvator. :]

Nocte seren, nocte divin!
Filio de Deo fin,
ab tu bucca divin le amor
nos presenta pro le salvator,
[: Christo in tue nascer. :]

## KAPRIKORNAĴOJ

**La logiko** estas ILO, kiu helpas nin aliri malbonajn rezultojn per BONAJ PAŜOJ. Multoble pli malbonaj konsekvencoj estas alireblaj helpe de VIRINA LOGIKO.

**Geedza vivo** sen sekso - ne valoras multe. Sekso sen geedza vivo - kostas multe. *Aldone al aforismo pri multekosta ekstergeedza sekso: se ni adicios ĉiujn elspezojn ligitajn kun geedza vivo, ni konvinkiĝos, ke sekso ekster geedzeco estas multfoje malplikosta. Do, kiu edziĝas nur pro sekso, multe malprofitas!*

**Ununura ebleco,** kiel reteni al si viron, estas teni lin en brakumo. Ununura ebleco, kiel reteni al si virinon, estas ne doni al ŝi monon.

**Eĉ se vi** samtempe gravedigos naŭ virinojn, tamen post unu monato vi ne estos feliĉa patro. *(Sed eksperimenti pri tio povas esti interesa...)*

**Je la komenco** estis kreita la mondo. Multaj homoj ĝis hodiaŭ ne konsideras tion la plej feliĉa ideo.

**Je la komenco** estis nenio. Poste Dio diris: „estu lumo." Kaj plue estis tie nenio, sed jam ĝi estis videbla.

**Ju pli** leĝera knabino, des malpli granda rezisto. *(leĝo de Ohm, aplikata al geaj rilatoj)*

**Sukcesa** estas tiu viro, kiu perlaboras pli da mono, ol lia edzino kapablas elspezi. Sukcesa estas tiu virino, kiu trovas tiun viron.

**Ŝi:** Mi estus farinta pli bone, se mi estus edziniĝinta al diablo!



Li: Tio ne eblus, karulino. Geedzeco inter geparencoj estas malpermesita!

**La pli multo** de homaj paroj meritas unu la alian. Ne pripostulu edzinon de via proksimulo. Ŝi povus resti ĉe vi!

**Leono** kaj bovido povas kune eniri unu stalon, sed la bovido pri tio ne profitos longe.

**Ne havas sencon** kvereli kun edzino, se ŝi estas laca aŭ ripozanta.

**Edzo** ne povas havi ĉion: kaj varman vespermanĝon kaj fidelan edzinon.

**Edziĝinta viro** pravas nek tiam, se li estas sola en arbaro, parolas al si mem kaj edzino lin ne aŭdas.

**Futuro** de la verbo „edziĝi" estas „divorci".

**Viro** kutime estas dankema por laborsukceso al sia unua edzino. Kaj por la dua edzino li estas dankema al tiu sukceso.

**La unua geedziĝo** estas venko de fantazio super inteligenteco. La dua estas triumfo de espero super spertoj.

**Tie,** kie ne eblas taksi la laborrezulton, estas taksenda la emo.

**La amo** estas triumfo de fantazio super inteligenteco.

**La unua amo** estas ia speco de vakcinado, kiu nin protektos por iom da tempo antaŭ plua ekmalsaniĝo.

**La plej granda tragedio** estas edziniĝi pro amo kaj poste konstati, ke tiu ulo ne havas monon.

**Amu** vian proksimulon, sed ne lasu kapti vin ĉe tio.

**Ne ekzistas** diferenco inter enamiĝinto kaj stultulo.

**Nenio** en la vivo estas tiom malbona, ke ĝi ne povu esti eĉ pli malbona.

**Vojkurbiĝo** ankoraŭ ne signifas la finon de vojo. Nur se vi ne regus la ŝoforadon.

**Se ŝajnas al vi,** ke vi eraras, vi eraras. Se vi havas certecon, ke vi ne eraras, do vi eraras.

**Ĉiuj** grandaj inventoj venis en la mondon hazarde.

**Ju pli** oni scias, des malpli oni komprenas.

**La vivo** pasigata farante erarojn estas pli utila ol la vivo pasigata nenionfarante.

**La plej granda arto** estas: scii prave erari.

**Lernu** el eraroj de aliaj homoj. Vi ne vivos sufiĉe longe por tio, ke vi povu ellerni ĉion nur el propraj eraroj.

**Kiu** ĉiukaze diras la veron, havas certecon, ke li ne mortos pro malsano.

**Ĉiu historieto** havas ĉiam tri flankojn: la nian, la vian kaj la veran.

**Kokino** estas rimedo kiamaniere fari el unu ovo pli da ovoj.

**Eĉ stultulo** scias, ke la uzado de oreloj estas multfoje pli sekura ol la uzado de lango. Sed li ne ellasas la okazon.

**La stulteco** estas nekuracebla malsano.

**Unu stultulo** ekkomplikigos la aferon tiome, ke ĝin solvos nek mil saĝuloj.



**Nur** du aĵoj estas senfine grandaj: la Kosmo, kaj la homa stulteco. Dume ja oni sukcesis pruvi nur tiun duan.

**Tie,** kie la saĝulo bezonas kuraĝon, por stultulo sufiĉas feliĉo.

**Se ne temas** pri la vivo, temas pri nenio. Sed kiu diris, ke ne pri la vivo temas?

**La justeco** plejparte venkas, en tri kazoj elinter sep.

**Kio-ajn okazas,** okazas abrupte, sen antaŭa averto.

**Estu singardemaj,** kiam vi elektas celon de via vivo, vi eble (DIO-NE-DONU) povus trafi.

**La vivo** estas granda ŝerco, nur malmultaj ĝin komprenas.

**Ni faru la aferojn simple:**
- Akuzito, kion vi faris kun la forŝtelita brando?
- Ja... mi vendis ĝin, sinjoro juĝisto.
- Kaj kion vi faris kun tiu mono?
- Ja... mi fordrinkis ĝin.

**Se ekzistas** scienca teorio klariganta, kial io-tio ne povas ekzisti, do ĝi certe ekzistas.

**Dio gardu nin** antaŭ tiuj, kiuj neniam faras erarojn, kaj plie antaŭ tiuj, kiuj la saman eraron faras dufoje.

**Kiu ne riskas,** faras dum jaro averaĝe du grandajn erarojn. Kiu riskas, faras averaĝe du grandajn erarojn dum jaro.

**Mensogojn** ni konas malgrandajn, grandajn kaj statistikon.

**Se efikas** nek la vero, nek mensogo, ĉiam ni povos uzi dinamiton.

## REKAPITULACIO DE MURPHY-AJ LEĜOJ

**Leĝo pri komplikeco de la mondo**
La mondo estas multfoje pli komplika ol la pliparto de niaj teorioj pri ĝi.

**Leĝo pri pacienco de eraro**
Se ekzistas ebleco fari eraron, pli aŭ malpli poste ĝi estos farita.



**Leĝo pri preferitaĵoj**
Sensignifaj problemoj estas solvataj tuj, la gravaj problemoj estos neniam solvitaj.

**Leĝo pri provizoreco**
Se vi sentas vin bone, ne turmentu vin pro tio. Baldaŭ tio ŝanĝiĝos.

**Leĝo pri ŝanĝoj de karaktero**
Homoj ne ŝanĝiĝas. Nur ili pli estiĝas ili mem.

**Leĝo pri forpasado**
Se la afero progresas bone, io malboniĝos.

**Leĝo pri senlimaj eblecoj**
Se ŝajnas al vi, ke jam ne povas esti pli malbone, povas.

**Leĝo pri evoluo al la plibono**
Se ŝajnas al vi, ke la afero jam pliboniĝas, vi ion ne rimarkis.

**Leĝo pri egalaj ŝancoj**
Neniam kverelu kun stultulo. La observantoj povus vin miskoni.

**Leĝo pri utileco kaj ĝuo**
La manĝaĵo, kiu plej bongustas al vi, enhavas plej multe da kalorioj.

**Leĝo de evoluo en direkto de plej granda domaĝo**
Kiam ajn se unu litero povas ŝanĝi la tutan sencon de la frazo, estas la verŝajneco de la misa eraro rekte proporcia al la domaĝo, kiu tiamaniere estiĝos.

**Leĝo de feliĉa momento**
La okazo pordonfrapetas ĉiam en la malplej taŭga momento.

**Leĝo pri egalvaloraj okazoj**
El inter du eblaj fenomenoj okazos ĉiam tiu malpli dezirinda.

**Leĝo pri pozitiva influo de pozitiva pensado**
Konsekvenco de negativaj supozoj estas negativaj rezultoj. Konsekvenco de pozitivaj supozoj estas negativaj rezultoj.

**Leĝo pri senĉesa moviĝo de objektoj**
Post kiam la objektoj el malbonaj fariĝis la plej malbonaj, la tuta ciklo rekomencas.

**Leĝo pri senlimaj eblecoj**
Nenio estas tiom simpla, ke ĝi ne estu mis-komprenebla.

**Leĝo pri arto ĝustatempe ĉesi**
Neniam ripetu sukcesan eksperimenton.

**Leĝo pri kialo kaj konsekvenco**
Homo, kiu ridetas eĉ tiam, kiam estas malbone, jam scias, sur kiun li ĵetos la respondecon pri la eraroj.

**Leĝo pri modera progreso en kadroj de la leĝo**
La progreso ne konsistas el anstataŭigo de malprava teorio per prava. La progreso estas anstataŭigo de malprava teorio per malpli malprava.

**Leĝo pri lernado el eraroj**
La homaro kaj la nacioj agos racie nur post kiam ili elĉerpis ĉiujn aliajn eblecojn.

**Leĝo pri evoluo de pli altaj specioj**
Ununura neperfekta specio en la naturo estas la homa raso.

**Leĝo pri konserviĝo de la specio**
Se la leĝo estas kontraŭ vi, argumentu per faktoj. Se faktoj estas kontraŭ vi, argumentu per leĝoj. Se

kaj leĝoj kaj faktoj estas kontraŭ vi, prizorgu por vi bonan advokaton.

**Leĝo pri tio, ke la pacienco alportas rozojn**
Se vi eltenas ion malbone fari sufiĉe longan tempon, la ceteraj komencos konsideri tion prava konduto.

**Leĝo pri grandaj numeroj**
La grandeco de eraro efikas kiel defenda ŝildo - ju pli granda eraro, des malpli da homoj permesas al si atentigi pri ĝi.

**Leĝo pri daŭra valoro**
La valoro de iu objekto, kiun vi ricevis senpage, egalas al la prezo, kiun vi pagis por ĝi.

**Leĝo pri ago kaj reago**
Ĉiutage, ĉiudirekte la aferoj fariĝas pli kaj pli bonaj, poste ĉiunokte pli kaj pli malbonaj.

**Leĝo pri graveco de bona komenco**
Ĉio, kio komenciĝas bone, finiĝas malbone. Ĉio, kio komenciĝas malbone, finiĝas pli malbone.
*(Aŭ eĉ finiĝas neniam.)*



**Leĝo pri estingado de tio, kio ne brulas**
Neniam superflue perturbu objekton, kiu kuŝas trankvile.

**Leĝo pri gravito de Tero**
Ĉiu objekto falos surteren tiel, ke ĝi kaŭzu ju pli grandan domaĝon.

**Leĝo pri gradigo**
Se io aspektas simple, ĝi estas komplikita. Se io aspektas komplikite, ĝi estas neebla.

**Leĝo pri lernado de la pasinteco**
Tiuj, kiuj ne studis la pasintecon, ripetas ĝiajn erarojn. Tiuj, kiuj studis ĝin, trovos alian metodon por erari.

**Leĝo pri limigitaj fontoj**
Homo havanta unu horloĝon scias, kioma horo estas; kiu havas du horloĝojn, neniam estas certa pri tio.

**Leĝo pri ununura ĝusta respondo**
La respondo povas esti erara, vera, kaj vera kaj erara, aŭ eĉ ĝi ne devas ekzisti. La plimulto de respondoj estas parte vera kaj parte malvera.

**La parolo de mono** ne estas tradukenda en fremdajn lingvojn.

**La moneroj** amasiĝas iom post iom po unu; forruliĝas ĉiuj samtempe.

*Kontribuaĵo de s-ano Teo ANDREAS el Košice al la programo de MEL-renkontiĝo en HANDLOVÁ en ĉijara aprilo.*

## KIOM DA?

### *Wojciech USAKIEWICZ*

**Rekantaĵo:**
**Kiom da esperantistoj, kiom da, kiom da,**
**montras emon al ekzisto? Kiu tion scias? Ba!**

Dek esperantistoj pensis, ĉu turismi, festi aŭ
verki; unu tro intensis. Restis duboplenaj naŭ.

Naŭ esperantistoj staris ĉe kongresa librostok'.
Unu lerte akaparis kaj sen libroj restis ok.

Ok esperantistoj miris pri belec' de verda krep'.
Naturisto ne deziris, do vestiĝis rave sep.

Sep esperantistoj brilis kiel steloj dum kongres'.
Tamen unu krokodilis, tial kalkulindas ses.

Ses esperantistoj penis fosi sulkon kun obstin'.
Kiam unu tute enis, ĝojis la ceteraj kvin.

Kvin esperantistoj dormis, unu frukte sonĝis, ĉar
vekiĝinte tuj reformis Esperanton – restis kvar.

Kvar esperantistoj sperte vortis en akademi'.
Unu pensis tro eksperte laŭ restintaj poste tri.

Tri esperantistoj servis redaktore al revu'
tamen unu tiel vervis, ke necesis lasi du.

Du esperantistoj tezis: perfidulojn nepre punu.
Kabeiĝo unun lezis, anatemis lin nur unu.

Solesperantisto febris,
mort' lin trovis sur parkbenko.
Nur Godoto lin funebris,
poste venis Fina Venko.

## RECEPTO DE NOVA JARO

Elektu 12 maturajn monatojn; kontrolu, ke en ili ne plu restu iu ajn ero pri malamikemo, malpardonemo, malamo kaj ĵaluzo. Tiujn monatojn plene purigu ankaŭ de ĉiaj restantaj aĉ-pensoj. Forigu ĉiujn spurojn de et-animeco. Partigu tiujn monatojn en 30 aŭ 31 egalajn pecojn. Ne provu kunaranĝi ĉiujn pecojn samtempe, sed preparu unu tagon jene: en ĉiun tagon enmetu egalajn partojn da fido, pacienco, kuraĝo, laboro, espero, fideleco, bonkoro, ripozo, preĝado kaj meditado. Aldonu proksimume tekuleron da bonaj intencoj, iom da plezuro, pinĉaĵon da frenezeco, etan disŝutaĵon da ludado kaj taso-plenon da bona humoro. Verŝu amon en la preparaĵon kaj vigle miksu.

Servu kun trankvilo, malegoismo kaj ĝojo.

Benitan kaj feliĉigan novan jaron al vi kaj ĉiuj viaj parencoj kaj amikoj!



***En la novan jaron 2004***
***akompanu vin sano de korpo, trankvilo de menso,***
***feliĉo, amo kaj sukceso.***
***Havu tiom da sano, feliĉo, amo, trankvileco kaj harmonio,***
***ke vi ĉiumomente dum via vivo povu iun pridonaci***
***per ĉi trezoroj.***

*viaj redaktoroj*